# La Havana Kuriero

N-ro 1 dimanĉo, 15-a de julio 1990

## Bonvenon al Havano

Ankaŭ ĉijare UEA volas dum sia Kongreso daŭre informi la kongresanojn pri la ŝanĝoj en la programo, pri la okazintaĵoj dum la Kongreso per malgranda ĉiutaga ĵurnalo, kies titolo estas ĉifoje "La Havana Kuriero". Ĝia ritmo estos ĉiutaga: ĝi aperos ĉiumatene en la kongresejo, kun escepto de la ekskursa tago (merkredo).

Respondecos pri tiu ĉi servo Bruĉjo Kasini, al kiu bonvolu atribui ĉiujn kulpojn pro misfunkciado de la servo, dum la gratulojn por ĝia bona fluo bonvolu turni al iliaj helpantoj.

La kongresanoj, kiuj volas ion anonci en la Kuriero, bonvolu transdoni la koncernan materialon en la giĉeto "Informejo" en la ĉefsalono de la kongresejo ĝis plej malfrue la tagmezo de la tago antaŭ la dezirata aperdato.

La gvidantoj de kunvenoj, ĉu oficialaj ĉu ne, estas varme petataj kunlabori, por ke iliaj raportoj aperu en La Havana Kuriero – ili bonvolu transdoni siajn raportojn senprokraste al la koncerna giĉeto.



## Korektoj al la Kongresa Libro

1. Ĝis lundo je la 12a kiu interesiĝas ĉeesti prezenton de akva baleto, okazonta en hotelo Riviera marde je la 21a devas anonci sin en la giĉeto "Ekskursoj" por aranĝi transporton de la kongresejo al Hotelo Riviera.
2. Hundo-ekspozicio okazos vendrede je la 11a horo laŭ la programo en la sportejo *"Eduardo Saborit" apud la Kongresa Palaco*
3. la sportejo "Eduardo Saborit" estas je la dispono de la kongresanoj de la 9a ĝis la 17a h.

## Bonvolu atenti

Diservo okazos en: Catedral Espiscopal *"Santísima Trinidad", Calle 6 esq. a 13.* Vedado je la 17a h dimanĉe.

Por ŝanĝi landon aŭ urbon celatan de via revenflugo, bonvolu turni vin al oficejo de Cubana ĉe la kongresejo.

## Por ne maltrafi vian ekskurson

POR NE MALTRAFI VIAN EKSKURSON, JEN LA EKIRHORO:

POSTKONGRESAJ:
PE1 Hotelo Hanabanilla
PE2 Los Jazmines (La Jasmenoj)
PE3 Varadero
PE4 El Abra
PK2 Girón
PK1 Meksiko
PE1, PE2, PE3 kaj PE4 ekiras el la hotelo je la 14a h. Vi devas atendi la buson ĉe la vestiblo de la hotelo 21-23 julio.

PK1 kakj PK2 21-28 julio
ekiras el la hotelo

TUTAGAJ EKSKURSOJ julio 18. ĉiuj ekiras el la hotelo

| | |
|---|---|
| E1 Soroa | 0830 h |
| E2 Kamparana Festo | 0800 h |
| E3 Varadero | 0800 h |
| E4 Guamá | 0800 h |
| E5 Viñales | 0800 h |
| E6 Cayo Largo | 0600 h |

DUONTAGAJ EKSKURSOJ
D1 Promeno tra Havano 1400 h, ĉiutage el la kongresejo, krom merkrede, kiam ekiro estos la hotelo.
D2 Cigarfabriko, marde kaj ĵaŭde el la kongresejo je la 0830 h
D3 Marekskurso en Marina Hemingway, nur marde, ekiro de la kongesejo je la 0830 h.
D4 Kamparana Komunumo Los Naranjos, ekiros de la kongresejo de 0930 h
D5 Orientaj Strandoj, ekiros el la kongresejo je 0900

VESPERAJ EKSKURSOJ
V1 Nokta Koktelo, ekiros de la kongresejo je la 1830 h
V2 Varieta Kabaredo Tropicana, ekiros el la hotelo je 2100 h.

# Ni informos la gazetaron tumondan

UEA provas ĉijare profesiigi sian gazetaran servon dum la kongreso, alkroĉante al ĝi novan taskon: la informado, per telekopio kaj telekso, de la plej gravaj internaciaj inform-agentejoj, kaj de kelkaj selekcitaj ĵurnaloj tra la mondo.

La taskon prizorgas s-ano Orlando Raola, de la LKK, kaj Bruĉjo Kasini, de la Komitato de UEA.

La samideanoj, kiuj dum la Kongreso aranĝas kunvenojn, spektaklojn, prezentojn, estas petataj raporti tuj pri la evento, en skriba formo, kaj transdoni sian raporton (laŭeble mallonga kaj en ĵurnalisma formo) al la giĉeto Informejo en la ĉefsalono de la kongresejo.

Por tajpi la raportojn estas je dispono granda vico da tajpmaŝinoj en la teleksa salono (1-a etaĝo antaŭ salono Grabovski) kaj en la Ĉambro de la Gazetara Servo. (n-ro 500, teretaĝe apud la Libroservo)

Interna telefonnumero de la Gazetara Servo estas 2928.

B. Kasini

# PROGRAMŜANĜOJ

# Informi la eksteran mondon

Tiu estas la unua tasko de ĉiu esperantisto, sed ĉu ĉiu esperantisto scias ĝin plenumi bone kaj efike? Por plibonigi la sciojn, kiujn ni havas pri la maniero informi, estas aranĝata SEMINARIO PRI INFORMADO, kiu okazos en salono Ariste lunde (de la 11a ĝis la 14a h) kaj en salono Miyamoto marde (de la 10a ĝis la 13a h).

Gvidos ĝin Hans Adriaanse, ecukologo, kunlaboranto de entrepreno pri merkata esplorado kun asisto de Ivo Durwael, estrarano de UEA pri informado, kaj Mark Fettes, redaktoro de la revuo Esperanto de UEA kaj respondeculo en la Centra Oficejo pri informado.

La aranĝo celas havi unuecan aspekton, kaj celas la kongresanojn kiuj aktivas pri informado. Oni antaŭvidas praktikajn laborrondojn, do estas konsilinde partopreni ĝian tuton, lunde kaj ĵaŭde, por plej bone profiti ĝin.

La kunveno "UEA pri informado", kiu celas la naciajn respondeculojn pri informado, okazos en salono Cseh marde (de la 1330 ĝis la 15a h), ĝia intenco estas aktualigi la laborplanon kiun oni decidis en la Kunveno pri Informado en Brajtono.

Ivo Durwael

# Fakaj aranĝoj

Bioteknologio mardo 17
1500 h (20 personoj)
EXPOCUBA ĵaŭdo 19
1400 h (30 personoj)

# Aldonaj adresoj

950 Longchamp Núñez, Gloria Hilda, Caimán #177 Las Guásimas, A. Naranjo, C. Habana, Cuba
951 Morello Rivero, Norma, Sitios #563 Apto. 4 e/ Francos y Oquendo, Cnt. Habana, C. Habana, Cuba
952 García Fomero, Alberto José, Calle 26 # 3315 e/. 33 y 35 altos, Playa, C. Habana, Cuba
953 Ibáñez Aguirre, Hilda, Ave. 33 e Edif. 68 apto. 23 e/ 240 y 246, La Lisa, C. Habana, Cuba
954 Rodríguez Rodríguez, Jaime Manud, Prensa #470 Apto. 2 Washinton y Velardes, Cerro, C. Habana, Cuba
955 Alvarez Migliores, María Adelaida, Calle 5ta. #17802 e/ Norte y Paseo Ampliación N., Boyeros, C. Habana, Cuba
956 Tars Orozco, José, Habana #508 e/ Lamparilla y Amargura, H. Vieja, C. Habana, Cuba
957 González Alcedo, Nelia de la C., Edif. C 22 Apto. 12 Zona 6 Alamar, H. del Este, C. Habana, Cuba
958 Capin Martínez, Isabel Luisa, Calle 60 A #2305 e/ 23 y 25, Playa, C. Habana, Cuba
959 Quintero Gómez, Nerdée, Calle 15 #1119 (casa) e/ 14 y 16 Vedado, Plaza, C. Habana, Cuba
960 Rodríguez Rodríguez, Odalys, Ave. edf. 11-G (FAR) Apto. 9 e/. 5ta. y 7ma., Sta. Clara, Villa Clara, Cuba
961 Moré Rodríguez, Magdalena, Calle Eugenio Piedra #7, Sto. Dmgo., Villa Clara, Cuba
962 Thompson Delgado, Nestor Juan, España #305 Bajos, C. Habana, C. Habana, Cuba
963 Labrada Vilas, Reynerio, 2da. Avenida #78 e/. 4ta. y 5ta. Rpto. Céspedes, Manzanillo, Granma, Cuba
964 Zamora Macías, Yolanda, Calle 3ra. #68 e/. 2da. y Ave. Frank País, Bayamo, Granma, Cuba
965 Mojena Alonso, Camilo, Ave. Castro #290 e/. Mártires y Calle 10, Bayamo, Granma, Cuba
966 Artimes Ramos, Melvis, Apartado 108, Bayamo, Granma, Cuba
967 Tamra Palacios, Norma, Calle 15 #1301 esq. 22 Vedado, Plaza, C. Habana, Cuba
968 Romay Duberger, Alicia Isiara, Calle Norte #174 e/ Esperanza y Santa Clara, A. Naranjo, C. Habana, Cuba
969 Pulgarón Berriel, Pedro Pablo, Edif. 45 Apto. 12 Microbrigada, San José, Habana, Cuba
970 Montenegro Pérez, Caridad, Calle 172 #3912 e/. 39 y 41 Versalles, La Lisa, C. Habana, Cuba
971 Marí Estopiñán, Mercedes, Laurel #352 e/ Corlina y Figueroa Stos. Suárez, 10 de Oct., C. Habana, Cuba
972 González Doreliéh, Francisco, Ave. 63 #12625 e/. 126 y 128, Marianao, C. Habana, Cuba
973 Alvarez, Isela Sofía, Lagunas #263 1er piso e/ Escobar y Lealtad, Cnt. Habana, C. Habana, Cuba
974 Bermúdez Lugo, Olga María, Calle 61a No. 13615 /31a y San Francisco Diezmero, S M Padrón, C. Habana, Cuba
975 Hernández Fustes, Olga Judith, Ave 31 No. 3410 /34 y 36, Playa, C. Habana, Cuba
976 Vasconcelos Barrios, Ramona Carmelina, Calle 58 No. 1916 /19 y 21, Playa, C. Habana, Cuba

977 Guintana Rivas, Mercedes,Calle 244 Edif 46 apt 1 /35 y 35A San Agustin,Lisa,C. Habana,Cuba

978 Ricardo Cruz, Roberto,Calle 10 de Octubre No. 85 Rpto Vista Alegre,Holguín,Holguín,Cuba

979 Ley Pon Cruz, Leticia,Ariel Ochoa 44 /Fomento y Cervantes,Holguín,Holguín,Cuba

980 Fuentes Guillén, María Rosario,Agramonte No.5,S Domingo,Villa Clara,Cuba

981 Charón Marcillí, Ismary,Amistad 208 apt 1 /Monte y San Miguel,Cto Habana,C. Habana,Cuba

982 Castillo Alonso, Angela Margarita,Malecón 639 /Belascoaín y Gervasio,Cto Habana,C. Habana,Cuba

983 Betancourt Suárez, Santos,Estrada Palma 455 /D'Strampes y Figueroa,10 de Oct,C. Habana,Cuba

984 Rodríguez Betancourt, Nestina,Calle K No.332 apt 5 / 21 y 25,Plaza,C. Habana,Cuba

985 Calás Martí, Roxana,Central 228 apt 1 /Piedra y Sola,S M Padrón,C. Habana,Cuba

986 Bon Alonso, Ricardo Lázaro,Aguilera 181 Agramonte,Jagüey G,Matanzas,Cuba

987 González Fuentes, Lourdes del Carmen,Arroyo 152 / Monte y Mercado apt 34,Cto Habana,C. Habana,Cuba

988 Mastrapa López, Iliana Rosa,Pauel 2 apt 36 Levisa,Mayarí,Holguín,Cuba

989 García González, Alberto,9na. No.5 / 6ta y 8va Rpto Santiesteban,Holguín,Holguín,Cuba

990 López Espinoza, Pamlino,Calle Colón No. 6,S Domingo,Villa Clara,Cuba

991 Vizcaíno González, Reina Regla,Mujica 8 /Colón y Maceo,Sta Clara,Villa Clara,Cuba

992 Pentón Isaac, Emilia,Julio Jover #117 e/ Maceo y Unión,Sta. Clara,Villa Clara,Cuba

993 Broche Pérez, José Miguel,Serafín Sánchez #61 Este,C.de Avila,C. de Avila,Cuba

994 Martell Castro, Juan Manuel,Ave. de los Martires #145,Yara,Granma,Cuba

995 Fernández Rizó, Reinaldo,Ave. de Rizó 167 e/ 8 y 9 Rpto. Vázquez,Manzanillo,Granma,Cuba

996 Castro Acosta, Socorro Martimiana,Calle Carmen #21,Manzanillo,Granma,Cuba

997 Verdecia Alba, Yismara,Calle C #9 e/ 8 y Paseo C. Pesquera,Manzanillo,Granma,Cuba

998 Castillo Fantoja, Carlos Rafael,Calle A #13,Manzanillo,Granma,Cuba

999 Alvarez Valdés, Juana Paulina,,Sta. Clara,Villa Clara,Cuba

1000 González González, Gertrudis,Masó 195 e/ Sol y Luna,Manzanillo,Granma,Cuba

1251 Meneses Duarte, Olga Lidia,Ave 11 B edif 2004 / 20A y 22 apt 19,Sta Cruz N,Habana,Cuba

1252 Mazorra Carreras, Virginia Eldá,Emilio Núñez 201 Esq. Villanueva,Cerro,C. Habana,Cuba

1253 Alemán Paz, Reynaldo,47 No. 1122 / Ave. 23 y Ulloa,Plaza,C. Habana,Cuba

1254 Díaz Pio, Gilberto,Ave. Guanabacoa Edif 66 apt 12 Guiteras,H del Este,C. Habana,Cuba

1255 Acevedo Galindo, Ricardo Rómulo,Martí s/n esq. Frank País Rpto. Eléctrico,A. Naranjo,C. Habana,Cuba

1256 Felipe Morales, Nail Benito,La Aurora. Guayos. Cabaiguán,S Spíritus,S Spíritus,Cuba

1257 Copo Jorge, Gustavo,Ave 21 No. 7015 / 70A y 72,Playa,C. Habana,Cuba

1258 Menéndez Martínez, Ramón,Ave 41 No. 6612 / 66 y 66A apt 3,Playa,C. Habana,Cuba

1259 Ibargüen Montenegro, Rosa María,San José 1162 / Infanta y Basarrate,Plaza,C. Habana,Cuba

1260 González Valdés, Jesús,ISPETP "Héctor Pineda" Ave Arday. El Trigal Nab 19,Boyeros,C. Habana,Cuba

1261 Fernández Ruiz, José René,Calle 86 No. 5309 / 53A y 53B,Marianao,C. Habana,Cuba

1262 Mesa Padilla, José Alberto,Zanja 363 / Gervasio y Escobar,Cnt.Habana,C. Habana,Cuba

1263 Broga West, Darío,Calle 90 No. 4105 apt 5 / 41 y 43,Marianao,C. Habana,Cuba

1264 Pérez Morales, Roberto,Calle 5ta. Edif 27 / Norte y Paseo,Boyeros,C. Habana,Cuba

1265 Morales Alvarez, Pablo Roberto,Calle 21 / 418 y 420 Edif 21 apt. 11 Peñas Altas,H del Este,C. Habana,Cuba

1266 Lobaíno Matos, Doris,Monte 939 / Pila y Matadero,Cerro,C. Habana,Cuba

1267 Betancourt Estrada, Bárbaro José,Remedio 286 / Reyes y Blanquizal,10 de Oct.,C. Habana,Cuba

1268 Mederos Rodríguez, Clara,Ata No 4238 / Central y 24 de Febrero Martín Pérez,S Miguel P,C. Habana,Cuba

1269 Monés Castillo, Juan Gualberto,Porro 25812 / Celedonio A. y Final Calabazar,Boyeros,C. Habana,Cuba

1270 Hernández Socarrás, Carmen Aleida,Aramburu 362 1er piso / Animas y Concordia,Cnt Habana,C. Habana,Cuba

1271 Núñez Serra, Elvira,Gral Carrillo 381 / Méndez Capote y Revolución,Sagua la G,Villa Clara,Cuba

1272 Méndez Oliva, Roberto,Caridad 161 / Martí y Mártires de Viet Nam,Manzanillo,Granma,Cuba

1273 Pérez Verba, Néstor Castillo,Estrada Palma 186 / Luz Caballero y Maceo,Sta Clara,Villa Clara,Cuba

1274 Ortiz Rodríguez, Ulerich Lucio,Ana Pegudo 199 / 4ta y 5ta Capiro,Sta Clara,Villa Clara,Cuba

1275 Pimentel Sedeño, Pedro Esteban,Calle 5 #58 esq.a C Rpto. El Jardín,Camagüey,Camagüey,Cuba

1276 Cañete Díaz, José,San Fermín #362-2 e/ San Germán y Trinidad,Stgo. Cuba,Stgo. Cuba,Cuba

1277 Rojo Zamora, José,2da. e/ 1ra. y Carretera de Maleza Bloque 14,Sta. Clara,Villa Clara,Cuba

1278 Monzón Marrero, Idelsia,2da. e/1ra. y Carretera de Maleza Bloque 14,Sta. Clara,Villa Clara,Cuba

1279 Rodríguez Vera, Sergio Santiago,Remedios #171 e/ Lourdes y Alegría,A. Naranjo,C. Habana,Cuba

1280 Gaibert Soriano, Frances,Edif. 23-C apto. 7 Micro 1-B Rpto. A.Santamaría,Stgo. Cuba,Stgo. Cuba,Cuba

1281 Ferrán Fernández, Bernardo,Maceo #12 Esq. M. Gómez Cascajal,Sto. Dmgo.,Villa Clara,Cuba

1282 Valdés García, José Luis,Máximo Gómez #53 Norte,S.Spíritus,S. Spíritus,Cuba

1283 Mora Lama, María Luz,Zamorana # 9 1/2 e/ Aguilera y 1ra. Rpto. Zamorana,Stgo. Cuba,Stgo. Cuba,Cuba

1284 Lozano Maqueira, Jorge Alberto,Martí #12 e/ Luis de Feria y Narañja,Holguín,Holguín,Cuba

1285 Barrera Pérez, Caridad Alexis,Calle Benavides # 66 e/ Marcos Delgado y N. López,C.de Avila,C.de Avila,Cuba

1286 Toledo Barrizonte, Yolanda,Manolo Solano #5 e/ M.Gómez y Quintín Banderas,S.Espiritu,S. Espiritus,Cuba

1287 Parga Castaño, Celia Irene,Carmen #114 altos e/ Campanario y Tenerife,Cet.Habana,C. Habana,Cuba

1288 Leonard Gómez, Nitsán M.,Calle 262 Edif 28 aptо. 1 e/ 5ta. y Final,Playa,C. Habana,Cuba

1289 Torres Alvares, Roberto,Galiano #153 4to. piso Apto. 47,Cet.Habana,C. Habana,Cuba

1290 Díaz Pérez, Tomás,Calle 14 #1108 e/ 11 y 13,Quivicán,La Habana,Cuba

1291 Lezcano, Ana María,Calle 3ra. # 28 Rpto. S. Mónica,Quivicán,La Habana,Cuba

1292 Mederos Sotolongo, Isis,Finlay #255 e/ Duero y Apostol Los Pinos,A. Naranjo,C. Habana,Cuba

1293 Cespedes Pérez, Ana Lidia,Jesús Menendez #86 e/ 26 de Julio y Ferrocarril,S.Espiritu,S. Espiritus,Cuba

1294 Villavicencio Lam, Angela de la Caridad,C. Camajuani #135 e/ E y F Rpto. Santa Catalina,Sta. Clara,Villa Clara,Cuba

1295 González Ortiz, Danay,Tegucigalpa #40801 e/ Quito y Sto.Dogo.Bellomonte,H.del Este,C. Habana,Cuba

1296 Martínez Riesco, Douglas,Cristina #104 e/ Matadero y Aguia,H. Vieja,C. Habana,Cuba

1297 Colas Martí, Rosana,Central 320 Apto. 1 e/ Picora y Soto,S.M.Padrón,C. Habana,Cuba

1298 Cruz López, Carlos Alberto,Calle 56 #4712 e/ 47 y 49,Playa,C. Habana,Cuba

1299 Cutiño Palau, Roberto,Ahogados #1262 e/ 1 y 2 sur CP- 95100,Guantánamo,Guantánamo,Cuba

1300 Rojas Peralta, María Esperanza,Calixto García #75 e/ Bongo. y Amenidad,Guanabacoa,C. Habana,Cuba

1301 Ricardo Sarmiento, Amaury,Edif. R-56 Apto. 9 Zona 14 Alamar,H.del Este,C. Habana,Cuba

1302 Rico Monteagudo, Miguel,Municipio #174 Apto. 13 e/ Acierto y Alarés Luyanó,10 de Oct.,C. Habana,Cuba

1303 Expósito Lizidm, Rolando,244 #2465 Edif.52 Apto.32 e/247 y 249 A.Santamaría,Boyeros,C. Habana,Cuba

1304 Torres López, Elsa,Calle 17 #1169 e/ 16 y 18,Plaza,C. Habana,Cuba

1305 García González, Diana Iris,Rosales Edif.41 Apto.18 e/6ta. y 7ma. Rpto.Electr.,A. Naranjo,C. Habana,Cuba

1306 Menéndez Rubio, Emigdio,Edif.870 Apto.10 Zona 24 Alamar,H.del Este,C. Habana,Cuba

1307 Olere Castellón, Alexis,Príncipe #63 e/ Hornos y Hospital,Cet.Habana,C. Habana,Cuba

1308 Rodríguez Gómez, Raúl,Calle 1ra. #4819 e/ Central y Río N. Pérez,S.M.Padrón,C. Habana,Cuba

1309 Oriol gil, Francel,San Rafael 668 /Belascoain y Lucena,Cto Habana,C. Habana,Cuba

1310 Gil Gómez, Gilberto David,Calle 56 No. 2715 /27 y 29,Playa,C. Habana,Cuba

1311 Grant Boffill, Germán,Bernaza 164 /Lamparilla y Tte. Rey,Hab. Vieja,C. Habana,Cuba

1312 Ortiz Machín, Eugenio Alexander,Bayamo 455 /Socorro y Remate,S Spiritus,S Spiritus,Cuba

1313 Arencibia González, Rafael,Edif 4 apt 39 Rpto Sta Mónica,Quivicán,Habana,Cuba

1314 Fonseca Olivera, Mauricio,Calle 16 No. 1710,Quivicán,Habana,Cuba

1315 Curbelo Fernández, Orestes del Jesús,Calle 26 No. 2713 /27 y 29,Quivicán,Habana,Cuba

1316 Delahanty, Lázaro Luis,Calle 24 No. 2109 /21 y 23,Quivicán,Habana,Cuba

1317 López Porcell, María de la Caridad,76 No. 29F09 /29F y 31 apt 4,Playa,C. Habana,Cuba

1318 Fonseca de C., Yolanda,San Fermín 362-2 /San Germán y Trinidad,Stgo Cuba,Stgo de Cuba,Cuba

1319 Berrillo Pérez, Amparo Elsa,Martí No. 8 /Luis de Feria y Marañón. Vista Alegre,Holguín,Holguín,Cuba

1320 Quersa, Francisco,F.P.U. La Demajagua Edif 1 apt 209,I Juventud,I Juventud,Cuba

1321 Da Silva Coelho, Nelson,F.P.U. La Demajagua Edif 1 apt 201,I Juventud,I Juventud,Cuba

1322 Brito de Sousa Texeira, Mario,F.P.U. La Demajagua Edif 1 apt 204,I Juventud,I Juventud,Cuba

1323 Maisdze, Oliver,F.P.U. La Demajagua Edif 1 apt 505,I Juventud,I Juventud,Cuba

1324 Chidansre, Canisio,F.P.U. La Demajagua Edif 1 Apt 412,I Juventud,I Juventud,Cuba

1325 Reina Blanco, Margarita,,,C. Habana,Cuba

1326 Romero de la Cruz, Adis L.,,,Holguín,Cuba

1327 Rodríguez Batista, Armando,,,Holguín,Cuba

1328 Colás Casanova, Ana R.,,,C. Habana,Cuba

1329 Alalay Justas, Enrique,,,C. Habana,Cuba

1330 Valdés Rodríguez, Rolando R.,,,Habana,Cuba

1331 Fuentes Pérez, Julián L.,,,Habana,Cuba

1332 Blanco Serrano, Ofelia,,,C. Habana,Cuba

1333 Coto Rodeiro, Remigio,,,C. Habana,Cuba

1334 Herrera Oviedo, Angel,,,C. Habana,Cuba

1335 Rodríguez Gepero, Teresa E.,,,C. Habana,Cuba

1336 Alfonso Mederos, Armando,,,C. Habana,Cuba

1337 Blanco Castillo, Margarita L.,,,C. Habana,Cuba

1338 Baldivia Ortiz, Nicasio Pedro,,Boyeros,C. Habana,Cuba

1339 González López, Francisco,Calle Rosita, 13508 entre Lilillo y Puente,Boyeros,C. Habana,Cuba

1340 Barroso Miguel, Ramón Ivany,Cisneros 234-A,Camagüey,Camagüey,Cuba

1341 Treto La Red, Diosvany William,República 286,Camagüey,Camagüey,Cuba

1342 Morejón Ballarte, Susana Bibiana,Calle 122, 4107 entre 41 y 43,Marianao,C. Habana,Cuba

1343 García Deacon, Hilda Rosa,Agramonte 7 entre Aranguren y Maceo,A. Naranjo,C. Habana,Cuba

1344 Fabregat Carvajal, Dania,Pasaje Abreu 17 entre Colón y Luz Caballero,Sta. Clara,Villa Clara,Cuba

1345 Ramos Aballe, Orlando Fidel,Martí 12 altos, entre Luis de Feria y Marañón, VA,Holguín,Holguín,Cuba

1346 Velázquez Videaux, Julio,San Lázaro 112 entre Genios y Crespo,C. Habana,C. Habana,Cuba

1347 Viera Menéndez, Jorge,Calle 39, 4208 entre 42 y 44,Artemisa,La Habana,Cuba

1348 Herrera Febles, Lourdes,3ta Ave. 23230 entre 232 y 240, Jaimanitas,Playa,C. Habana,Cuba

1349 Toledo Pérez, Jorge,Edif. 387-A-2 Apto. 16, Habana del Este-H.del Este,C. Habana,Cuba

# La Havana Kuriero

DE LA 75A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

n-ro 2 — lundo, 16-a julio 1990


# FIDEL CASTRO INTER NI



Brile malfermiĝis hieraŭ nia 75a Universala Kongreso. La solenaĵon partoprenis la kuba prezidento Fidel Castro, la Alta Protektanto d-ro Carlos Rafael Rodriguez, aliaj kubaj ŝtataj kaj partiaj funkciuloj, la prezidanto kaj la ceteraj estraranoj de UEA, la membroj de la Loka Kongresa Komitato, la diplomatiaj reprezentantoj de diversaj landoj, ekz. Aŭstrio, Ĉinio, Francio, Kanado kaj Pollando, kies reprezentanto salutis la kongreson Esperante. Ankaŭ tre rimarkinde oni konstatis la ĉeeston de reprezentanto de Albanio, simbole la malfermiĝon de tiu lando al la Esperanto-movado.

Oficiale s-ro John Wells deklaris la kongreson malfermita, tuj poste salutis la kongresanaron k-do Jesús Castillo, prezidanto de LKK kaj de Kuba Esperanto-Asocio.

La plej signifa ero de nia matena kunsido estis la enhavoriĉa prelego de d-ro Rodriguez, kiu tuŝis tre gravajn aspektojn pri la monda alstrebo al paco kaj la rolo de homa interkompreniĝo tiurilate.

La kongresan inaŭguron daŭrigis la reprezentantoj de 39 landaj asocioj, kiuj tradicie transdonis la salutojn de siaj naciaj Esperanto-organizaĵoj.

La prezidanto de UEA ankaŭ prezentis skize la kongresan temon, elstarigante ties gravecon kadre de la grandaj ŝanĝoj en la nuna mondo.

Tiel ekiris la laboro en la havana renkontiĝo, kiun partoprenas laŭ la oficiala kongresa statistiko pli ol 1600 aliĝintoj el pli ol 50 landoj, kio spite al tio ke ĝi ne estas rekorda kvanto, tamen estas rimarkinda sukceso, se oni kalkulas la nombron da aliĝintoj en majo.

O. Raola

## ESPERANTO – ELSTARA IDEO DE PACO

### EL LA PAROLADO DE LA ALTA PROTEKTANTO D-RO RODRIGUEZ

Skeptikuloj ne akceptas alian eblecon ol tiu de kontraŭstaro de unuj popolo kontraŭ la aliaj, la milito aŭ almenaŭ la permanenta kontraŭeco. Aliaj konsciiĝis pri tio, ke la mondo marŝis pli malpli malrapide, depende de la propra ideologia tendenco, al interkompreniĝo. Ni, socialistoj, inter ili, konsideris ke fine de longa batalo kaj klasa opozicio oni atingos universalan unuecon, en mondo kie ekspluatado, mizero kaj malegaleco jam malaperis porĉiame. Unue Grocio kaj pli poste Kant pripensadis la ideojn el kiuj naskiĝis la Ligo de Nacioj kaj Uniĝintaj Nacioj. Tamen, prilingva debato pludaŭris. Kelkaj revis pri mondo kun unu sola lingvo kaj tio ŝajnis al aliaj, malgraŭ ties aspiro al universala paco, io malpli utiga.

Laŭlonge de tiu ĉi longdaŭra idea konfrontado, ekestis homoj por kiuj interkompreniĝo inter la popoloj, komunikiĝo super lingvaj diferencoj fariĝis iaspeca universala amikeco kaj homa interkonsento. Ludoviko Lazaro Zamenhof apartenis al tiu granda aro de elstaraj viroj kaj virinoj. La ideo pri tio ke homoj povus vivi pace se ili interkompreniĝus pere de komuna lingvo ekestis en lia junaĝo kaj neniam pli forlasis lin. Nia kunsido estas la plej bona omaĝo al tiu kiopodo.

Neniu heroaĵo estis pli granda ol tiu, kiun Zamenhof metis antaŭ si. Ellabori novan lingvon, kapablan allogi la atenton kaj inda je respekto fare de viroj kaj virinoj el ĉiuj mondpartoj, ŝajnis nerealigebla afero. Kiam cent jarojn poste ni renkontiĝas ĉi tie, sur malgranda insulo pri kiu oni malmulte sciis kiam Zamenhof ekkomencis sian paciencan laboron, kaj ni vidas nin inter pli ol 1200 gedelegitoj venantaj el la plej foraj partoj de la mondo, ariĝantaj laŭ la plej diversaj profesioj, reprezentantoj de ideoj plejofte nesimilaj, ni ĉeestas la realigon de revo, kiu ŝajnis neebla. Du detruegaj mondmilitoj disigis la popolojn de tiu tempo kiam, rimarkinda koincido, la dudeksesan de julio, glora daterveno por la kubanoj, antaŭ 103 jaroj eliris la presejon la unua libro en tiu ĉi lingvo, kiun oni povas konsideri kiel produkton de historio, sed kiu estas, unualoke rezulto de volforto, de homa energio. Esperantistoj, dekomence nur manpleno, nun estas dekoj da miloj

Dankon, amikoj-esperantistoj, ĉar vi ebligis al ni helpi ankoraŭfoje la universalajn interesojn pere de tiu ĉi bela kongreso. Dankon, ĉar vi konfidis al Kubo de Fidel Castro, ke ĝi ofertas tangan etoson por gastigi tiom altan ideon de instigo al amikeco, interkompreniĝo kaj komunikiĝo inter homoj kaj popoloj. Ĉie vi trovos amikan ridon, popolan gajecon kaj varman amikan akcepton.

Tamen vi devas konscii, ke malantaŭ ili troviĝas la zorgoj de minacata kaj atakata popolo, por kiu komunikiĝo nun fariĝis maniero ĝin ataki kaj renversi, tamen popolo certa pri la vojo entreprenita kaj pri la amikeco montrita de la ceteraj mondaj popoloj.

Fidante kaj certaj ni sciigas al vi nian konfidon, ke la 75a Kongreso de Esperanto estos, en nia malgranda lando, ŝanco, ne nur por ke vi vin dediĉos fervore al la intelekta tasko kiu venigis vin ĉi tien, sed ankaŭ por ke vi ekkonu kiel ni vivas, kiel ni laboras, en nia kuna strebo, por socia sistemo kiun neeviteble elektis nia popolo, kiu preferus perei antaŭ ol perdi sian historian identecon kaj homan unuecon. Jen Kubo, kiu vin akceptas kaj salutas.

Dankon

## Gazetara Servo Internacia

Kiel ni anoncis en La Havana Kuriero nº 1, UEA provas ĉiĵare rekte informi la internaciajn pres-agentejojn pri la evento "UK". La originala plano temis pri pluraj informoj ĉiutage al kvindeko da adresoj, sed la altaj kostoj kiujn oni postulas en Kubo por internacia komunikado konsilis draste redukti la eksperimenton al kelkaj artikoloj dum la semajno al la ĉefaj internaciaj agentejoj (deko da adresoj).
La landaj Asocioj kaj la Kongresanoj, kiuj volus pli amplekse diskonigi la informojn pri la UK en sia lando, bonvolu kontakti s-anon BrUĉjo Kasini (Italujo), kiu volonte disponigos al ili jam pretajn tekstojn (en Esperanto kaj en kelkaj aliaj ĉefaj lingvoj), kaj instrukcios pri teĥnikaj rimedoj (tajpmaŝinoj, telaksilo, telekopiilo ktp.)

MONDA TURISMO
Bonvolu ĉeesti la kunsidon marde je la 1015 en salono Privat

FRANCAJ KANZONOJ
La Franca Kultura Servo invitas vin al vespero pri franca kanzono. Ĝi okazos ĵaŭde je la 2030 en la Nacia Teatro (apud Kapitolo), salono Antolin Artaud.

R. Triolle

Atentu karaj gekongresanoj
La Redakta Komitato de Havana Kuriero (Künzli, Kasini, Kaola) [illegible] pretigis tiun ĉi numeron. Bonvolu [illegible] kaj [illegible] ĝin.
Ni [illegible]

## NOVAJ ALIĜINTOJ (DAŬRIGO)

1497 Rodriquez Perez, Orlando W.,Narciso Lopez 258 /Coliseo y 7da,Holguin,Holguin,Cuba
1498 Paez Campos, Roberto,Ave 19 No. 2618,Quivican,Habana,Cuba
1499 Jaskova, Radmila,San Miguel 719 / Oquendo y M. González,Cnt.Habana,C. Habana,Cuba
1500 Dominguez Martinez, Raquel P.,Calle 14 No. 286 /9 y 26 de Julio,Rpto. Siboney,Bayamo,Granma,Cuba
1501 Buenedit Conde, Libertad,Calle 36 No. 133 /1ra y 3ra. Miramar,Playa,C. Habana,Cuba
1502 Brito Mauris, Carlos,Panchito Gómez 324 apt 4 /20 de Mayo y Aranguren,Cerro,C. Habana,Cuba
1503 Betancourt Ruiz, Berta L.,,S.Spiritus,S. Spiritus,Cuba
1504 Aguilera Fernandez, Alicia,Calle Ata No. 27 /11 y Ave. Libertadores. Peralta,Holguin,Holguin,Cuba
1505 Ramilto Avalos, Zoila,Calle 18 No.47/Justo y Dositeo Aguilera,La Playita,Holguin,Holguin,Cuba
1506 Peña Hechavarria, Rebeca,1ra. No.33/22 y Cap. Urbino. Rpto Libertad,Holguin,Holguin,Cuba
1507 Rodriguez Almaguer, Magda,Colón No.97 /Fomento y Cervantes,Holguin,Holguin,Cuba
1508 Morla Alonso, Francis,Calle 58 No.4702 /47 y 49,Alturas del Bosque,Playa,C. Habana,Cuba
1509 Chao Baltinde, Felix,Zanja 253 /Lealtad y Campanario,Cnt.Habana,C. Habana,Cuba
1510 Gonzalez Yeru, Miriam,Ave 27 No.3201 /32 y 34,Quivicán,Habana,Cuba
1511 Acuña Perez, Gustavo,Calle 9na No.11415 /114 y 116,Playa,C. Habana,Cuba
1512 Fernandez Morales, Oscar,Carmen No.67 /Lealtad y Campanario,Cnt.Habana,C. Habana,Cuba
1513 Domingos, André Joaquin,12 y Malecón, Edif 20 Piso 10,Plaza,C. Habana,Cuba
1514 Barnet Delgado, Armando,,,Matanzas,Cuba
1515 , ...,Cuba
1516 , ...,Cuba
1517 , ...,Cuba
ĉ , ...,Cuba

## *17A DE JULIO:*
## *TAGO DE LA LERNEJO*

Kadrotemo: naciaj kaj internaciaj en Esperanto-lernmaterialoj (Salono Grabovski)
Gvidanto de la Tago: s-ro Edward Symoens

0900-1000 ILEI prezentas sin. (interesaj faktoj pri eldonoj, preparataj eldonoj, reago al faritaj proponoj, novaj laborprincipoj.)
S-ro Edward Symoens

1015-1100 Kiomgrade eblas internaciaj lernolibroj de Esperanto (diskutinstigoj kiel kombini gramatikon kun situacia instruado)
S-ro Stefan MacGill

1100-1115 Prezentado kaj ĝeneraligo de instrumaterialo.
Mag. Irena Szanser

1115-1130 Lastatempa evoluo en instruado en Hungario.
D-rino Ilona Koutny

Tagmeza paŭzo

1400-1500 Lingvoalpropigo en elektroteknika epoko. (lernavantaĝoj per komputiloj, sorto de mezstara mensa laboro, edukrilataj problemoj). Demonstro de komputilaj instruprogramoj.
D-rino Ilona Koutny

1515-1600 Lern- kaj instrumaterialoj el la tuta mondo. (specifaĵoj de elektitaj lerniloj, metodoj kaj instrumanieroj, konkludoj, rekomendoj)

Volontuloj sub kunordigado fare de
s-ro E. Symoens.
1600 Antaŭtesto kaj registriĝo por la ekzamenoj de ILEI/UEA en salono Miyamoto

## VIRINOJ

Komisiono por Virina Agado kolektis en salono Salvesen 35 ĉeestantojn, kiuj traktis pri virinaj problemoj. Interalie, oni parolis pri la sekvontjara seminario pri provirina agado en Svedio kaj por eventuala ellaboro de terminaro pri trikado. Aparte interesaj estis raportoj pri virina pozicio kaj agado en Japanio, kie eldoniĝas EVA-bulteno, organo de Esperanta Virina Asocio. Domaĝe, ke la kongreso ne prezentis okazon renkonti pli larĝskale virinojn de la gastiganta lando kaj aŭdi pri iliaj problemoj.
La komisionon gvidis s-ino Elsbeth Bormann kun s-ino Spomenka Štimec.

## EVA

Esperanta Verkista Asocio kunsidis dum la kongresop kvankam nur malmultaj membroj de EVA alvojaĝis al Havano. S-ro W. Auld estas la nova prezidanto de EVA. Willem Verloren Van Themaat estas nova sekretario. La jaran raporton verkitan de Aldo d'Georgi prezentis Spomenka Štimec. Post financa raporto de la EVA kasisto s-ro Alec Venture pluraj valoraj proponoj prezentiĝis en la diskutado, interalie pri gastprelegoj de verkistoj dum la Monda Jardeko de Kultura Evoluigo (1988-1997) kaj pri pli intensa kunlaboro kun naciaj PEN-centroj. EVA aŭspicias la TAGON DE LA LIBRO okazanta lundon je la 1130 en salono Privat.

## NE OKAZOS

EVA-renkontiĝo de verkistoj kun legantoj ne okazos pro magra prezento de verkistoj en la ĉijara kongreso. Tamen pluraj eldonistoj kaj novaj libroj estos prezentotaj kadre de la Tago de la Libro.

Spomenka Štimec

## ARTAJ ARANĜOJ

lundo 1990 07 16
1400-1600 Arta prezento, Granda Halo
Noto: Balo okazos tie ankaŭ.
mardo 1990 07 17
1000-1200 Arta prezento, Granda Halo
Noto: Akva baleto okazos en hotelo Riviera
merkredo 1990 07 18
2000-2300 En la Junulara Vespero okazos geedziĝo, arta prezento kaj balo.
ĵaŭdo 1990 07 19
Salono Privat, 1600-1800 prezentado de la filmo La Brigadisto
2100 Teatra Vesperoi en teatro Mella
vendredo 1990 07 20
Arta prezento 1400-1600 en la Granda Halo.

## DIVERSAĴOJ

1. LIBE-kunveno lunde je la 1130 h kontaktoj inter vidantaj kvidhandikapitaj esperantistoj kaj speciale: 100-jara jubileo de blinda esperantisto Eroŝenko. Ĉiuj bonvenaj.
2. Ĉe la libroservo atendas vin la sprita kaj kortuŝa "Anna Frank ne estas de hieraŭ", en premiita traduko de Nora Bartels.
3. Amika Rondo por ĉinaj Esperantistoj alvokas vin saluti bildkarte niajn ĉinajn samideanojn neĉeestantaj. Gluadresojn ĉe Informejo.
4. Kiu pretas korespondi kun kompetenta esperantisto afrika, kompilanta ordinaran vortaron lacteman: Zachari Naabien Geresere pob. 1727, Tabora, Tanzanio




## La Kuba gazetaro interesiĝas pri ni

La ĉijara kongreso promesas venki plurajn rekordojn en la propaganda kampo. Krom la ĉeesto unuafoje de ŝtatestro, kiu ne mem konas Esperanton, ankaŭ la gazetaro donis al ni grandan eĥon. La ĉefa gazeto de la lando, "Granma", publikigis sabate longan artikolon en sia nacia eldono, kaj dimanĉe en la internacia eldono. El ĉi-lasta ni ĉerpis la suporan desegnon.
Ankaŭ en "Trabajadores" kaj en "Bohemia" jam aperis gravaj artikoloj.

# KION VIZITI EN HAVANO ?

## EKZEMPLE: LA MALNOVAN URBON

Se vi deziras spiri aeron el la malnovaj tempoj, tiam vizitu la malnovan urbon de Havano. Tiun ĉi parton de la kuba ĉefurbo Unesko deklaris kiel urbkonstrue interesa ensemblo de la hispana kolonia tempo. Tial Unesko finance subtenas la konservon de tiu malnova urbo; speciala plano daŭranta plurajn jarojn antaŭvidas restaŭron, inter alie ĉirkaŭ la majestaj placoj Catedral kaj Armas. Car oni restaŭras, povas okazi, ke la turisto trovas diversajn fermitajn objektojn.

La kolonitempan etoson de la "Urbo de la kolonoj", kiel skribis la kuba verkisto Carpentier, la vizitanto sentas aparte sur la Katedrala aco kaj en la Calle Obispo proksime de Plaza de Armas. La mallarĝaj stratoj de la malnova urbo, maltaŭgaj por la moderna trafiko, ofertis sufiĉe da loko por ĉarveturiloj, de kiuj kelkaj estas rigardeblaj en la urba muzeo ĉe la Plaza de Armas. La vizitanto, promenanta tra la malnova urbo estas neĝenata de benzinodoraĉo, kiu kaŭzas, ke multaj latinamerikaj urboj ne estas ĝueblaj.

Indas admiri la ferforĝitaj balkonoj, kradojn, pordofrapiloj ("sonoriloj") kaj la buntaj vitralioj. Ofte aperas surprize malalta frukoloniitempa dometo kun argiltegmento inter pluetaĝaj konstruajoj. Sura la fasadoj oni povas malkovri anglalingvajn antaŭrevoluciajn varbajojn aŭ firmaosurskribajojn. Alta kvoto de la loĝantaro en la malnova urbo estas negroj, aparte en la suda parto.

Serĉindaj estas ankaŭ la multaj preĝejoj (Sankta Clara, Esperitu Santo, Merced, Santo Angel Custodia, Nuestra Señora del Carmen, Catedral de los Campos de Cuba). Sciu, ke preĝejo en la hispana nomiĝas "*iglesia*".

# LA TAGO DE LA LIBRO

Hodiaŭ, je la 10.30 en salono Privat, okazas premiero por niaj Kongresoj: Esperanto atentas sian kulturon kaj dediĉas tagon de sia UK al la Libroj.

Deko da eldonistoj kaj aŭtoroj prezentos siajn verkojn, la plej reprezentajn inter tiuj kiuj aperis dum la lasta jaro, kun la helpo de la konata kaj ŝatata kroata aktorino Vida Jerman, kiu legos selektitajn pecojn el la prezentataj verkoj.

Ĉeestos tuta vico da gravuloj kaj famuloj: Ulriĥ Lins, vicprezidanto de UEA kaj aŭtoro de la furora "La danĝera lingvo", Spomenka Ŝtimec, estrarano de UEA pri kulturo kaj gvidanto de Internacia Kultura Servo (Zagrebo), Bruĉjo Kasini, posedanto de Edistudio.

Fine de la programo, la publiko estas invitata viziti la libroservon kune kun la aŭtoroj kaj eldonistoj, por lasi sin tenti aĉeti la jus elĝuitajn verkoj.

# OKAZIS IPTEA-KUNVENO

De la 17a ĝis la 18a en salono Salvesen de la Kongresejo okazis la 21a ĉefkunveno de IPTEA. Raportojn pri la stato kaj la estontaj taskoj de IPTEA faris la Prezidanto Raguŝko Petrov kaj Laris Raymond Perault el CNES laboratorio prelegis pri Kosmonaŭtiko. Oni multe pridemandis ilin kaj estis interesaj diskutoj.

Oni kritikis la LKK ke mankas la poŝtkartoj, la speciala poŝtmarko eldonita de la kuba ministerio pri komunikado kaj la kongresa stampo, kaj ke en la poŝtoficejo la oficistoj bedaŭrinde ne komprenas Esperanton.

Oni rekomendis akiri rapidajn respondojn pri tiu demando por havi la eblecon jam de morgaŭ ekvendi la poŝtajojn por amasa uzado, kiel okazis en la antaŭaj UKoj.

Draguŝko Petrov, prez. IPTEA

# plukoj el la uea-komitato

Plukoj el la Komitato

Oni plendas, ke pluraj kongresanoj alvenintaj sabate vespere ne trovis siajn antaŭmenditajn litojn. Tamen la LKK tre streĉis sin por solvi la problemojn, ĝis la sesa matene. "Bedaŭrinde" rimarkis komitatano "ne ĉiuj kubanoj estas membroj de la LKK, kaj tion oni sentas en la servoj".

# La espero.

F. DE MENIL

Teksto de Dro. L. L. Zamenhof.

# La Havana Kuriero

DE LA 75A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

n-ro 3 — mardo, 17-a julio 1990

## UNUAFOJE «LA TAGO DE LA LIBRO»

Dum la dua kongresa tago estis lanĉita "La Tago de la Libro", kiu celis al la kongresa publiko prezenti la lastatempajn eldonaĵojn kaj ties aŭtorojn. La du plej importaj libroj de la aranĝo estas du libroj kiuj restos dum multaj jaroj la plej gravaj verkoj de nia literaturo ; temas pri : "La Trezoro" (HEA, Budapeŝto), antologio de esperanta novelarto, kaj "La danĝera lingvo" (Progreso, Moskvo), kiu estis prezentita de la aŭtoro mem, Ulrich Lins. Sekvis "Kredu min, sinjorino!" de Cezaro Rossetti, kiun lastatempe represis Edistudio. Liu Lin parolis pri novaĵoj de ĉinaj esperantaj eldonejoj kaj Jugoslavio prezentis sin per "Wakajtapu" kaj "Ŝtona dormanto".

En la Tago de la Libro apartan atenton havis rumana antologio, aperonta en Jugoslavio kiel kontribuo por la reviviĝanta movado en Rumanio. Nederlando estis reprezentita per "Ŝtono de helpo" kaj Bulgarujo informis pri sia nova eldonejo Pres-Esperanto.

Fragmentojn el la unuopaj verkoj prezentis la konata aktorino Vida Jerman.

Simpatian tuŝon al la programo alportis muzikistoj Nikolai Lozgaĉov el Rusujo kaj Flavio Fonseca el Brazilo per siaj versoj akompanataj per gitaro.

s.ŝ.

## ISAE DENOVE VIVAS

Dum la kunsido de ISAE, Internacia Scienca Asocio Esperantista, faka sekcio de UEA por Scienco, d-ro Rudi Hauger (CH), funkcianta Ĝenerala Sekretario de la Asocio, prezentis kontentigan bildon pri la nuna situacio, kio depost dek jaroj vidas la asocian organon survoje al aktualigo de siaj aperatoj: aperis la kajeroj por 1988 kaj 1989 de "Scienca Revuo" kaj la numero por 1990 estas jam en la preseio.

La modifiĝanta situacio en orienta Eŭropo permesas esperi ke baldaŭ la multenombraj interesitoj el tiu regiono povos plenrajte membri en la Asocio, kio ankaŭ permesas esperi pliboniĝon de la financa situacio.

Cetere, la financoj de la Asocio ne plu estas en danĝero, dank'al interkonsento kun la ĉefa kreditoro (Edistudio) kiu konsentis ricevi siajn kreditojn ĝis la fino de 1992, kaj dank'al intenco surmerkatigi la grandan stokon da malnovaj kajeroj (1982-1988).

ISAE serĉas reprezentantojn en pluraj landoj, kie ĝis nun la Asocio lamis. La interesitoj pri la agado povas sin turni al

D-ro Rudi Hauger, Ringstr. 13,
CH-8172 Niederglatt, Svisujo
k-n-ro 202

Telefonnumeroj internaj
de la giĉeto INFORVEJO
estas 2516 kaj 2670.

## KUBA POETO EN ESPERANTO

Un el la plej famaj kubaj poetoj Nicolas Guillen estos prezentata kadre de la kongresa programo.

Kadre de la poezia recitalo, marde je la 17 en salono Zamenhof literatur-amantoj ne maltrafu renkontiĝon kun kuba literaturo, prezentota de Vida Jerman kaj Saŝa Pilipoviĉ el Jugoslavio.

## LA MEDICINISTOJ ELEKTIS NOVAN ESTRARON

Lunde la 16-an de julio en Salono Salvesen okazis la Jarkunveno de UMEA, Universala Medicina Esperanto-Asocio.

D-ro Imre Ferenczy, prezidanto de la Asocio, raportis pri la lastjara agado. En Pollando en februaro 1990 okazis unuafoje en Eŭropo Internacia Kurso pri Akopunturo, kaj kurso pri la Orienta Dima Masaĝo. UMEA havas jam reprezentantojn en 30 landoj, kaj novan Estraron:

- Prezidanto — d-ro Imre Ferenczy, Hung.
- Ĝen. Sekr. — d-ro Vladimiro Opoka, Poll.
- Sekretario — d-ino Arja Kuhanen, Finnl.
- Kasisto — prof. d-ro Saburo Yamazoe, J

j.r.

# La rezultoj de la Belartaj Konkursoj de UEA por 1990

POEZIO:
1-a premio: Timothy Braian Carr (Britio) pro El "LA VIVO DE POETO"; 2-a premio: Georgo Kamaĉo (Hispanio) pro ĈIES, 3-a premio: Georgo Kamaĉo (Hispanio) pro NOKTO...; Honora mencio: Gunnar Gällmo (Svedio) pro KANTO DE JALUZO kaj Timothy Brian Carr pro MAJA IDILIO. Partoprenis 58 verkoj de 28 aŭtoroj el 18 landoj.

PROZO:
1-a premio: Georgo Kamaĉo (Hispanio) pro KIA LA SEMO; 2-a premio: Georgo Kamaĉo (Hispanio) pro MENSOGO DE L'OKULOJ, MENSOGO DE L'ORELOJ; 3-a premio: Georgo Kamaĉo (Hispanio) pro SENDESTINE;
Honora mencio: Eŭgeno Belonenko (Sovetunio) pro LA KISO DE LA ETERNO. Partoprenis 28 verkoj el 13 aŭtoroj el 11 landoj.

TEATRO:
1-a premio ne aljuĝita; 2-a premio: Istvan Ertl (Hungario) pro GEPELMELE; 3-a premio Karolina Gilmore (Britio) pro VENONTJARE EN PARIZO. Partoprenis 6 verkoj de 5 aŭtoroj el 5 landoj.

ESEO:
Premio Luigi Minnaja: Krys Ungar (Britio) pro GOJE SONU MIA KANTO: LA VIVO DE MARIA HANKEL. Honora mencio: Mark Fettes (Nederlando) pro DEMOKRATECO, NEŬTRALECO, AŬTONOMECO: LA IDEOLOGIA EVOLUO DE UNIVERSALA ESPERANTO ASOCIO. Arnoldo Aguila (Kubo) pro POEZIO NE ESTAS MATEMATIKO kaj Georgo Kamaĉo pro AMIKA RONDO VARMA AŬ PRI PRI LA VERDA JUNULARO. Partoprenis 10 verkoj el 10 aŭtoroj el 9 landoj.

KANTO: Premio Ar-okin pri Kanto: Klara Mikola (teksto) kaj László Garamvölgyi (muziko) el Hungario pro ALMOZUL'. Partoprenis 3 kantoj de 2 aŭtoroj el 2 landoj.

FOTOGRAFIO:
Neniu premio aljuĝita. Partoprenis 2 fotoj el 2 aŭtoroj el 2 landoj.

PREMIO NOVA TALENTO: Ulrich Becker (Germana DR) pro la prozaj verkoj BAGATELOJ (komedio en ses aktoj) kaj REZOLUCIO 11.58 h. Lia nomo estos gravurita sur la pokalo Herny Harabagiu, konservata en la Centra Oficejon de UEA.

INFANLIBRO DE LA JARO: PIPI ŜTRUMPOLONGA de Astrid Lindgren, tradukita de Sven Alexandersson, eldonita de Progreso Eldonejo (Svedio). Partoprenis 4 libroj de 4 eldonejoj el 4 landoj.

KOMISIONO PRI BELARTAJ KONKURSOJ DE UEA

# La kongreso de LIBE debatis ampleksan temaron

LIBE, nome la Ligo Internacia de Blindaj Esperantistoj, konsidis lunde de la 12,30 ĝis la 14 en salono Salvesen. Ĉeestis dek blinduloj el sep landoj, unuafoje du el Kubo kaj dektri akompanantoj kaj interesitoj.

Post la kutima sinprezentado de la ĉeestantoj, la Prezidanto de LIBE sinjoro Otto Prytz (Norvegio) skizis la agadon de la Asocio, interalie la aperigon de la organo "Esperanta Ligilo", kiu informas ankaŭ pri teĥnikaj helpiloj kaj aperigas literaturaĵojn.

Krome gazetoj de landaj asocioj de LIBE trovas internacian legantaron: en Nederlando oni surkasedigas "Esperanto"kaj "Monato". La ĉefa malhelpo por integriĝo en la ĝenerala movado estas manko de informoj kio malhelpas kundiskuti. UEA ja helpis per gesroj Moerbeek ĝustatempan sonregistron de la dua bulteno, kongreslibro, kaj Estrara Raporto, kaj brajligo de la Kongresa programo (kies efektivigon sukcesigis s-ro Jan Bemelmans ĉe la blindulbiblioteko de Nimego).

Grava atingo estas, ke la ĝenerala eldonejo Jose Marti en tiu ĉi UNO-jaro ekspozicios plurajn Brajlolibrojn (ĵaŭde je la 13a horo en la Halo).

Aparta programero estis la centjara rememoro pri la grava blinda rusa aŭtoro V. J. Eroŝenko (1890-1952), honore al kiu s-ino Nora Moerbeek voĉlegis fragmenton el "Historio de la Esperanto-movado inter la blinduloj" pri ties eventoplena vivo.

Miriga mala diskriminacio okazas ĉi-teme: la libro ekzistas nur Brajle.

Sekvis voĉlego de daŭre aktuala parolado pri Esperanto de Eroŝenko (Yokohamo 1918) kaj klarigo pri la Fondaĵo Eroŝenko, kiu de 1983 liveras librojn al esperantistoj en netranspagipovaj landoj.

Nome de la kubaj blinduloj parolis la nova esperantisto Joaquin Borges Triana: manke de instrumaterialo oni kompencas mem kopiante ilin por la lernemuloj. Ja helpas alilandanoj sendante kasedojn kaj librojn al la Nacia Biblioteko.

S-ro Prytz rekomendis kontakti la hispanajn Brajlo-presejojn de Once por la 3+8-voluma vortaro duflanka Hispana Esperanto de E. Tudela Flores. Japana blindula akompanantino, s-ino Nakamura, promesis sendi ekzemplerojn de la tridek titoloj, kiujn Brajligis JABE, inter alie "Nia korpo".

S-ro Bemelmans rekomendis la fondaĵon Eroŝenko kaj la malnovlibran servon de LIBE (sub-estrarano d-ro Luigi Tola). Utilas ankaŭ katalogoj de Brajlaj kaj son-libroj en Nederlando, Britio kaj Francio (nun aperanta).

Rilatojn inter vidantoj kaj vid-handikapitoj ofte malhelpas nekompreno de vidantoj

pri la bezonoj de la blinduloj: kelkaj evidente surdas pri simplaj demandoj kaj petoj de ĉi-lastaj, nur "helpante" laŭ sia ideo. Kontraŭ tio utilas la eduka eldonaĵo "Ne tiel sed ĉi tiel". Laste s-ro John Sorel (Kanado) proponis inter alie peti ĝenerale eldoni monbiletojn rekoneblaj per simpla sinteza voĉaparateto.

# LASTAJ SCIIGOJ

Okazos renkontiĝo de IAdEM (Internacia Asocio de Esperantistoj Matematikistoj), vendrede je la 0900 h Salono Privat

H. S. Holgrun

# ILEI konferenco post la Kongreso

Partoprenontoj vizitu la ILEI-budon, ĵaŭde aŭ vendrede, por scii plej lastajn novaĵojn pri la komuna foriro al la Konferenco.

Bonvolu ankaŭ komuniki la nomon kaj daton de via forflugo el Kubo.

smg

# KION VIZITI EN HAVANO ?

## EKZEMPLE: RESTORACIOJN

Bodeguita del Medio: (La B del M), strato Empedrado 207, proksime de la katedrala placo. La enmigrinto Angel Martinez malfermis ĉi tie en la 40-aj jaroj sian *"Malgrandan vendejon en la mezo"* (kutime la trinkejoj troviĝis ĉe la stratanguloj) kaj vendis samtempe varmajn manĝaĵojn al siaj klientoj. En aprilo 1905 Angel malfermis restoracion, kiu kune kun lia trinkejo baldaŭ famiĝis. Hemingway trakoligis ĉi tie siajn "mojitojn" kaj daŭrigis drinkdiboĉadien alia trinkejo, Floridita. La manĝaĵoj en la B del M estas tre bonaj kaj tipaj por la kuba kuirarto. La ejo estas malgranda kaj mallarĝa kaj rapide elĉerpiĝas, prefere oni rezervu siajn tablojn por eviti malagrablajn surprizojn. Sur la muro la vizitintoj eternigis siajn nomojn, en la trinkejo pendas eldiraĵoj de tre famaj vizitintoj. Laborhoroj: 1200-1700; 1830-0230

El Patio, San Ignacio, ĉe la katedrala placo. Laŭ legendo, en la korto estis plantita la unua mango-arbo en Kubo. Famas la gitargrupo Taicuba, kiu lude akompanas la vizitantojn. La restoracio povas esti konsiderata kiel unu el la plej belaj de Havano. En la puton meze de la restoracia korto, la homoj jeti(a)s monerojn.
Laborhoroj: 1200-1700, 1900-2400
Mesón de la Flota: Baratillo # 9, Plaza de Armas, vid-al-vide de la urba muzeo. Tiu ĉi restoracio posedas ejojn kun restaĵoj de frua kolonia tempo. Kuba-hispana kuirarto.

# nacia vespero

## KARIBA ETOSO RAVIS

Apartan valoron dum ĉiu Universala Kongreso havas la Nacia Vespero. Ĝia celo estas konatigi la eksterlandajn esperantistojn kun la kulturo de la koncerna lando. Hieraŭ tio plene sukcesis en la urba teatro de Havano Karl Marx. La unua parto de la vespero estis dediĉita al la muzika kulturo de la kolonitempa Kubo. La prezento multaj eroj de la nacia kuba popoloopereto "Cecilia Valdés" estis bona elekto por karakterizi la muzikan kulturon de la kubaj blankuloj unuflanke kaj de la negroj aliflanke. Dum la blankula muziko estas importita el Eŭropo kaj enhave adaptita al kubaj temoj, la muziko de la negroj montras multajn trajtojn de la afrika kulturo. Tiel aperis en Kubo du tipoj de muzika kulturo, kiuj vivis paralele sed naskis la kuban muzikan kulturon en si mem, kies buntecon la kongresanojn povis sperti. La duan parton de la vespero konsistigi inter alie sonoj kaj dancoj de la 20a jarcento kun specimenoj inkluzive tiujn de la plej modernaj tempoj.
La prezentaĵo estis longe aplaŭdita kaj la kongresanoj forlasis la grandan teatron -ĝi estas la plej granda en la lando- kun certe tre bona impreso pri la kuba arto.

# Lasta okazo enskribiĝi por la ekzamenoj

Registrado kaj antaŭtesto okazos en salono Miyamoto je la 16a h marde.

La skriba parto daŭros tri horojn kaj okazos ĵaŭde posttagmeze.

La parola parto daŭros ĉirkaŭ dudek minutojn en la posttagmezo de vendredo.

La kotizo por la ekzameno estas 60% de la MA-kotizo por via loĝlando.

smg



La nacia heroo

José Martí

# KUBA GAZETARO PRI NI *Trabajadores*

**Granma**

Junto a Fidel aparece a la derecha el profesor John Wells, presidente de la Asociación Universal de Esperanto, y a la izquierda Jesús Castillo, presidente de la Asociación Cubana de Esperanto, y Carlos Rafael Rodríguez

## Inaugurado 75 Congreso Mundial de Esperanto

● Asistió Fidel a la apertura ● Hablaron Carlos Rafael Rodríguez y John Wells, presidente de la Asociación Universal de Esperanto, y Jesús Castillo, presidente de la Asociación Cubana

***El Esperanto***

## DEL GRUÑIDO A UN IDIOMA UNIVERSAL

**Desde que el hombre se irguió en la Tierra, tra medios de establecer comunicación con los demás mediante un lenguaje común.**

Por REINALDO PERALVER MORAL
Fotos de JOSE TEMES



La redakcio de
"LA HAVANA KURIERO"
konsistanta el
Bruĉjo Kasini, Ardy Künzli,
Orlando Raola Gonzales

dankas vin kaj invitas vin
kunlabori per raportoj el
viaj kunveroj.

Transdonu viajn raportojn al
la giĉeto "INFORMEJO"
ĝis la 16a horo en ĉiu tago.

MERKREDO (ekskursa tago) la
kuriero ne aperos. Ĝis ĵaŭdo.

## Asistió Fidel a la apertura de evento mundial de esperanto

LA HABANA, 15 de julio (AIN). — El Comandante en Jefe, Fidel Castro, Presidente de los Consejos de Estado y de Ministros, asistió hoy a la apertura del 75 Congreso Mundial de Esperanto, que con la participación de unos mil 500 delegados extranjeros y 400 nacionales sesionará hasta el 21 en el Palacio de las Convenciones.

## *NOVAJ ALIĜINTOJ (DAŬRIGO)*

1488 Barnamo Helene Naclestavagen 22c S-85247 Sundsvall, Svedio
1489 Ono Masahiro c o United Nations Childrens Foun. Pulchowk Kathmandu Nepalo
1490 Saint Anna Sylvia margarida N. Guileherme Moura 241, Alto de Puiheiras Sao Pablo Brazilo
1491 Ruiz Garcia Pedro Juan Jose Carretera de la Nora 5, 1-a A, 30009, Murcia Hispanio
1595 Jankowski Jean Frande Esperanto, 4 bis rue Cerisaie, Paris IV Francio
1596 Incoronato Gia Via Panoramica, 63, Herkulano, Italio
1597 Odorici Viterbo Via Passano Casa Albero 41028, Serramazzoni, Modena Italio
1600 Pozder M Britio
1602 Arteaga Mendoza Jorge Calle 10 # 32, Col. San Pedro de los Pinos CP-03801 Mexico
1604 Rodriguez Pumpa Manuel San Indalecio 515, apt. 2 Vibora Havano Kubo
1605 Nicolello Flavia Via Vittorio Veneto, 15 60122 Angna Italio
1606 Giombi Carla Via Cardeto 15, Ancona, Italio
1607 Bottegoni Daniela Via Rismondo 1 60125, Ancona, Italio
1608 Cinnna Andrea Via Flammia 1-e, Osimo, Ancona Italio
1609 Dal Pozzo Stefano Via Ulimpia 4-37012 Bussolengo (VR) Italio
1610 Grassini Aldo Via Rismondo 1, I-60100 Ancona Italio
1611 Gasparetti Elio Via Orsi 9, Ancona Italio
1612 Martinez Gillian Apto. Postal 82-3, Cuernavaca 62271 Meksiko
1613 Martinez Antonio Aptdo Postal 823 Cuernavaca 62271 Meksiko
1614 Luzincourt Fradelais Adrien 34 Strato Joseph Janvier P-au-P Haitio

# La Havana Kuriero

DE LA 75A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

n-ro 4 ĵaŭdo, 19-a de julio 1990

## OKAZAS HODIAŬ

Kunveno pri la Azia Esperanto-Movado kaj agado en tiu kontinento okazos ĵaŭde je la 14a ĝis la 16a h. en salono Hodler.

La prelego de la Internacia Kongresa Universitato de prof. Jane EDWARDS (Usono) pri "Viro, virino kaj magio en la latinamerika romano", kiu devis okazi en la posttagmezo de dimanĉo, okazos ĵaŭde la 20an de julio je la 17a h en salono Lapenna.

## ORIENTA SPECIALA DIINA MASAĜO



Kurso pri "Orienta Speciala Diina Masaĝo" okazos ĵaŭde la 20an de julio en salono CSEH je la 17a h.

Ĵaŭde la 19an de julio je la 21a h en la urba teatro Bulgara Esperanto-teatro prezentos la komedion "Mi ne plu konas vin" de la fama itala aŭtoro Aldo de' Benedetti.

Aldo de' Benedetti akiris grandan popularecon per siaj komedioj, traktante plej ofte familiajn interrilatojn. Li apartenas al la plej elstaraj reprezentantoj de la itala novrealismo.

La komedion tradukis Kunĉo Vâlev, kaj la spektaklon reĝisoris la fama bulgara reĝisorino Gertruda Lukanova. Rolas la plej talentaj aktoroj de Bulgara Esperanto-teatro.

## OKAZOS MORGAŬ

### LEGANTARO DE HEROLDO

Neformala renkontiĝo de la legantoj de "Heroldo de Esperanto" kun la redaktorino Ada Fighiera Sikorska, okazos vendrede la 20a de julio je la 17a h en la koridoro inter la salonoj Lapenna kaj Miyamoto.

## OKAZIS HIERAŬ
(aŭ pli frue)

Marde tagmeze okazis la kvara ATEO-kunveno, kiun prezidis Marteno Lavallée. Post sinprezentiĝo de la partoprenantoj, oni sukcesis inter diversaj diskutoj elekti novan estraron: Ralph Dumain (prezidanto), Martin Lavallée (vicprezidanto), Klivo Lendon (kasisto-sekretario).

La usonano Ralph Dumain, kiu ne povis ĉeesti, planas dum sia plia jaro da prezidanteco akceptigi ATEOn kiel fakan asocion neneŭtralan kunlaboranta kun UEA. Tiuj klopodoj ja devas sukcesi, konsiderante ke jam ses religiaj asocioj estas tiaj. S-ro Moon asertis, ke li interesiĝos ĉe d-ro U. Lins.

ml

Kun la partopreno de 12 kongresanoj okazis mardon, la 17a de julio, en la salono Salvesen, kunveno pri Sporto; inter la partoprenantoj, sep kubanoj asertis interalie ke la ĉefa nacia sporto estas basbalo, sed ankaŭ piedpilko kaj kurado! Ili anoncis ke dum la kongresa semajno, precize vendredon la 20a de julio, je la 17a horo, okazos trikilometra maratoneto foriranta de la Kongresejo ĝis la Hotelo Triton. Ĉiuj kongresanoj rajtas partopreni. Kun plezuro oni informas ke en tia maratoneto partoprenos ankaŭ la mondfama kuba atleto Alberto Juantorena, trifoje olimpika kaj tutmonda ĉampiono.

gp

# PUBLIKA KUNVENO DE LA AKADEMIO DE ESPERANTO

Kvar membroj de la Akademio renkontiĝis kun proksimume 80 kongresanoj mardon posttagmeze en salono Laperna.

La kunsidon gvidis kaj enkondukis la vicprezidanto de la Akademio d-ro Werner Bormann. Li kaj la Akademianoj prof. d-ro H. Tonkin, s-ro Eichholz kaj s-ro Milojević respondis dum horo kaj duono al plej diversaj demandoj, kiuj parte celis difinitan lingvan demandon, parte estis pli ĝeneralaj. Inter tiuj, seksismo en la lingvo Esperanto, la sinteno al diversaj t.n. skoloj kaj la dezirata funkcio de la Akademio.

Gia intervenismo kaj la signifo de la evoluo de la lingvo Esperanto estas la du poluso, de ebla gamo, kiu videbliĝis antaŭ la interesata publiko.

w bo

---

La internacia Komerca kaj Ekonomia fakgrupo aranĝis sian kongresan kunvenon en ĉeesto de 20 membroj kaj gastoj sub prezido de estrarano Yamasaki. Unua temo estis la fakaj ekskursoj, pri kiuj la koncernaj ekspertoj eksciis nur surloke en Havano el la Kongresa Libro. Tial bedaŭrinde la partopreno en la vizito al la Kuba Komerca Ĉambro estis malmultenombra. D-ro Bormann raportis pri ĝi. La ĉeestantoj klopodos estonte pli bonan viziladon.

Dua temo estis la terminologia laboro. Listo de mil fakvortoj de la Internacia Ĉambro de Komerco, nun tradukitaj en Esperanton, estas je dispono por esperantistoj volantaj kontribui per siaj spertoj. Trie kaj fine la ĉeestantaj komercistoj pritraktis siajn eblojn negoci per esperanto, kiuj estas nun etaj.

wb

Je la 17a h en Salono Salvesen okazis la 21a ĉefkunveno de IPTEA.

Raportojn pri la stato kaj la estontaj taskoj de IPTEA faris la prezidanto Dragoŝko Petrov kaj prelegon "C.N.E.S. Laboratorio por kosma spaco" faris Raymonde Perault el Francio.

Al ili oni faris multajn demandojn kaj okazis diskutoj.

Oni kritikis al la LKK, pro la manko de poŝtkartoj, de la speciala poŝtmarko eldonita de la kuba poŝta administracio kaj de la kongresa stampo. Krome, en la poŝtoficejo la oficistoj ne komprenas Esperanton.

Oni petis, ke venu rapidan respondon al tiuj gravaj demandoj, kaj ke oni permesu uzi la poŝtkarton kaj la poŝtmarkon de la Kongreso amase, same kiel okazis dum la antaŭaj kongresoj.

dp

# FERVOJISTOJ FAKPRELEGAS

La 17a de julio okazis la fervojista kunveno en la salono Salvesen, kun partopreno de tridek gekolegoj el 15 landoj. Inĝ. I. Gulyas, vicprezidanto de IFEF, prezidis la kunvenon kaj enkonduke raportis pri la okazinta 42a Internacia Fervojista Esperanto-kongreso.

Poste inĝ. P. Hrdle (Ĉeĥosl.) informis la partoprenantojn pri la venontjara IFEF-kongreso, okazonta en Brno, Ĉeĥoslovakujo.

En la nomo de la estraro de UEA ĉeestis O. Princz, respondeculo pri landa kaj faka agado, kaj li proponis pluan kunlaboron inter la landaj kaj la fakaj organizaĵoj.

Dum la kunveno okazis du fakprelegoj. Unue I. Gulyas parolis pri la situacio kaj la evoluo de la fervoja pasaĝertrafiko en Eŭropo. Poste d-ro I. Ferenczy prelegis pri la taskoj de la fervojistaj kuracistoj je la plej gravaj malsanoj. Pluraj ĉeestantoj alparolis kaj interesiĝis pri organizaj aferoj.

ig

# VETERANA KLUBO

La veterana klubo okazigis sian jarkunveno lunde la 17an de julio.

La prezidantino bedaŭrinde ne ĉeestis, sed la kunvenon prezidis la sekretario.

Post raporto pri la ekonomia stato de la klubo kaj aliaj informoj rilate la klubon, la ĉeestantoj rakontis interesajn episodojn de sia esperantista vivo.

bku

# UK- POŜTŜTAMPO

Lunde je la 17a h okazis en la sidejo de la Kuba Poŝta Muzeo okazis la eldono de poŝtŝtampo omaĝe al la 75a Universala Kongreso de Esperanto.

Partoprenis la plej altaj reprezentantoj de la Nacia Poŝto, inter ili:

Manuel Peña, direktoro pri Nacia Poŝto
Antonio Guerra, direktoro de la entrepreno Coprefil

Ines Amor, faka ŝefo de poŝtaj emisioj
Ankaŭ partoprenis s-ino Maria Elena Poyato direktorino de la Kuba Poŝta Muzeo, kaj Miquel Angel Peñate, sekretario por propagando de la Nacia estraro de KEA.

Ili ĉiuj farigis la honorajn stampojn (sic!). Esperantistoj de diversaj landoj partoprenis. Dum la aranĝo funkciis provizora poŝtoficejo.

Filatelan ekspozicion oni montras tie, kie ĝi plurestos videbla dum monato.

se

# Akcepto por la Patronoj de TEJO

Marde, la 17an de julio, Tutmonda Esperantista Junulara Organizo (TEJO) akceptis siajn patronajn membrojn.

TEJO-patrono estas ĉiu, kiu per pli alta kotizo al TEJO ŝatas subteni la tutmondan junularan organizon TEJO, la juna Esperanta generacio de morgaŭ. Nuntempe TEJO havas sesdekon da Patronaj Membroj, kelkaj el kiuj, ĉeestantaj la 75an UK, partoprenis en la akcepto de mardo: Gunter Becker (FRG), Brian Moon kaj Claude Nourmont (Luksemb.), Ada Fighiera-Sikorska (Italujo), krom TEJO-komitatanoj (eksaj kaj nunaj) kaj aliaj, kiujn interesas TEJO kaj kiuj anoncis sian intereson fariĝi PM.

La rondon, kiu sidis en la trinkejo de la memserva bufedo, bonvenigis Jan Koszmaluk, Prezidanto de TEJO. Li emfazis la pozitivan evoluon kaj la stabiliĝon de la junulara sekcio de UEA. Andy E. Künzli, redaktoro de la oficiala gazeto de TEJO *"TEJO tutmonde", klarigis la celojn de tiu* periodaĵo kaj klarigis, ke ĝia eldonkvanto estas multe pli alta ol la Individua Membraro de TEJO. Poste sekvis vigla diskuto pri kiel varbi novajn PM de TEJO kaj kiel plialloigi la servojn de TEJO. La Patronoj esprimis ĝeneralan kontenton pri la evoluo de TEJO, malgraŭ la manko de financaj kaj homfortaj rimedoj en tiu organizaĵo.

Kun interesaj klarigoj pri la Azia Esperanto-movado elpaŝis Joachim Werdin, polo, kiu realigis kaj realigos signifan poresperantan agadon en aziaj landoj, kie la movado estas malforta aŭ kiel ĝi tute ne ekzistas.

La multaj ideoj kaj instigoj pruvis, ke TEJO meritas tre fortan apogon flanke de la plenkreskuloj; tial ili estas alvokataj fariĝi Patronaj Membroj de TEJO, kio estas tutcerte necesa kaj valora kontribuo al la maturiĝo de junaj esperantistoj foje transpreonontaj la remilojn de UEA aŭ de alia organizaĵo.

Fariĝu Patrona Membro de TEJO ankoraŭ dum la UK, kontaktante TEJO-aktivulojn, kaj vi rimarkos, ke vi restos juna esperantisto, eĉ se vi jam delonge estas plenkreskulo.

La TEJO-Forumo, la dua plej grava kunveno de TEJO dum la UK, okazos jaŭde, la 19an de julio en salono Lapenha, matene (informiĝu pere de la Kongresa Libro aŭ pere de la informoj, kiujn oni disdonas per la Kongreseja laŭtparolilo).

ak

## *ESPERANTOLOGIA KONFERENCO*

La 12a Esperantologia Konferenco okazos vendrede posttagmeze ekde la 15.30 h.

Ĝi konsistos el du partoj:

(1) Parolado de E. Ŝerĉenko (SU) pri tradukaj kaj terminologiaj problemoj en Esperanto, kion sekvos podia diskuto inter fakuloj pri tiu temo kaj pri la ĝenerala demando pri la libera evoluo de la lingvo Esperanto.

(2) Parolado de Humphrey Tonkin (US) pri Esperanto kaj kultura identeco, kion sekvos podia diskuto pri la rilato inter Esperanto kaj la defendo de la kultura diverseco. La diskutantoj estos gravaj figuroj en la Esperanto-kulturo.

La kongresanoj estas invitataj partopreni tiun ĉiam tre popularan kongresan eron, kiu okazos en salono Privat, kaj kiu evidente ligiĝas al la kongresa temo "Esperanto, evoluo, kultura diverseco".

hf

# MERKREDAJ EKSKURSOJ

Dum unu - malgranda - parto de la kongresanoj ripozas en la kongresurbo, la plimulto jam hejme, en sia lando, mendis unu el la proponataj tuttagaj ekskursoj. Eblis elekti inter ses diversaj ekskursceloj:

Soroa: Estas loko situanta en la montoĉeno Sierra del Rosario kaj estas konata pro la ŝanĝiĝanta bunteco de ĝia vegetaĵaro. Oni vizitis bredejon de orkideoj kaj kristalan akvofalon. Poste estis eble nagi en la naĝejo.

Kamparana festo: Ses horojn daŭris ekskurso kun relative forta turisteca etoso al iu turisma centro en la regiono Playas del Este/Guanabo, nur 50 kilometrojn for de Havano. Prezentitaj estis diversaj moroj kutimaj ĉe la kubaj kamparanoj kiel produktado de iu dolĉa suko, melkado de bovino, lukto inter kokoj, ktp. Post tio la partoprenantoj sidiĝis en restoracio kun pajla tegmento, ĉirkaŭata de palmoj, aŭskultis unue orientsonan muzikon kaj dancadon prezentitan de greka grupo el Kanado. Post tio, komenciĝis la temperamentoplena kuba folklora programo, kiu invitis la kongresanojn al dancado, kantado kaj ludado. La manĝo konsistis el bongustaĵoj tipaj ĉe kubaj kamparanoj.

Varadero: Varadero estas la plej konata kaj plej bela plaĝo de Kubo situanta norde de Havano. La vizito lasis sufiĉe da tempo por sunumi kaj naĝi.

Guama: Guama estas historia vilaĝo, kopio de indiana vilaĝo de antaŭ kvincent jaroj, antaŭ la vojaĝoj de Kristoforo Kolumbo. Tie estas renkonteblaj tre riĉaj flaŭro kaj faŭno kun bredejo de krokodiloj kaj pli ol 20000 bestoj.

Viñales: Tio troviĝas en valo, kies pejzaĝo apartenas al la plej nektuimaj kaj ravaj en Kubo, en la provinco Pinar del Rio. Ekster la tabaka sezono de oktobro ĝis majo la kamparanoj plantas terpomspecajn fruktojn kun grandaj folioj aŭ maizon. Sed inter majo kaj oktobro oni ne vidas tabakplantojn.

---

La redakcio de
"LA HAVANA KURIERO"
konsistanta el
Bruĉjo Kasini, Andy Künzli,
Orlando Raola Gonzales
dankas vin kaj invitas vin
kunlabori per raportoj el
viaj kunvenoj.

# TERMINOLOGOJ EKSKURSAS SENPAGE

En la kadro de la fakaj ekskursoj de la UK, ĵaŭde je tagmezo okazos senpaga ekskurso de terminologoj al la Akademio de Kubo.

La interesitoj bonvolu kolektiĝi piede de la granda ŝtuparo jam la 11,30, por kontroli ĉu estas sufiĉe da partoprenantoj.

# EKSPOZICIO EN LA URBA BIBLIOTEKO

La Nacia Biblioteko de Havano, fronte de plac ode la Revolucio, estas mirinda kadro por ekspozicio de Esperanto-libroj, per kiuj Esperanto prezentas sin al la urba publiko. Profitu tiun okazon, kiam ni prezentas nin ekster la Kongreso kaj kunvenu al la malfermo de la ekspozicio kaj vizito de la biblioteko.

La aŭtobuso atendas vin ĵaŭde je la 10a h antaŭ la kongresejo kaj ĝi revenigos vin post la malfermo de la ekspozicio al la kongresejo.

La urbo Havano ĝuĝos pri Esperanto ankaŭ per tiu ĉiu elpaŝo ekster la kongresejo.

sŝ

# NOVAJ ALIĜINTOJ (DAŬRIGO)

1495 TERRA, Jose de Moraes, Rua Catao Coelho, 73 - Jardine Olimpico, , , Brazilio
1496 QUEIROZ Marques, Davis, Rua Boavista, 75 - San Ramundo - C.P. 1209, , , Brazilio
1518 KOVTUNJUK, Eugeno, krinka 165 Kiev - 1 252001, , , Ukrainio
1519 VASCISINA, Marija, 8-A / 109 str. Ivan Franko, Morsin, , Ukrainio
1520 HOBIN, Vladimir, 19-12 str. Darvina, u. Hardov, 310002, Ukrainio
1521 NASTUSENKO, Irine U., Akon. Sukrinuc 165 WEV - 1252001 Ulka Ink. 8, Ulka Ink.8, , Ukrainio
1522 KOROLOVA, Lubov, Kylparkovska-str. 170 / 78 alk 8454, , Ivov -290021, Sovetio
1523 TARANJUK, Vladislas, 252215 Radianskoj 32 j./68, Kievo, , Ukrainio
1524 KAJUBA, Zjuba, 293500 Strij, str. drogobicka 21, , , Ukrainio
1525 ILJAS, Anna, str. Jlira 5 / 2, Morsin, , Ukrainio
1526 TAKIMCUK, Natalja, Rilejeva 3/4, Lviv, 290000, Ukrainio
1527 MIRONISINA, Zudmula, u. Drogobic str. Karpatskaj 2/1-10, , Zvovio, Sovetio
1528 AUDERSKAJA, Tatjana, Korolenko 5-b, kr. 26, Odessa, 270100, Sovetio
1529 LOZGACEV, Nikolai, C.P.O. Kesto 4220, Perm, SU-614000, Sovetio
1530 LOZGACEVA, Jelena, Box 4220, Perm, SU-614000, Sovetio
1531 MAKAR Volodymioslna, Olesja, pr.de Lenina Komsomolo, Lviv, 290045, Sovetio
1532 SILJ, Gennadij, per Batuka, 10-24, Slavjansk, 342221, Ukrainio
1533 CARJKOV, Vladimir, Cehovskij, Kiev, 252054, Ukrainio
1534 GERGESA, Viktor, pr.L.Svobody 36 kv.41, Harkov, 310204, Ukrainio
1535 GONCARENKO, Tajsija, u. Gìotvald, str. Peresechaja 23, , Harkovio, Sovetio
1536 PUBLIJ Ziuba Stepanovna, , styr. Peresecnaj 21a, Cotvaldo, Jarkovio, Sovetio
1537 KUDRIA, Oksana, 14-41, ul. Cubarja, u. Slajansk, , Doneckio, Sovetio
1538 MIHAJLENKO, Anatolij, KJEV-33 Tarasovskaja 36/A lq. 40, Sovetio
1539 MAJHRYC, Nadja, pr. Lenina Komsom, 74/56, 290038, , Ukrainio
1540 MAJHRYC, Jhor, pr. Lenina Koms. 74/56, Lviv, 290038, Ukrainio
1541 PLJACUSOK, Bohdana, p.k. 3741 str. Kryvorizjka, Lviv, 290070, Ukrainio
1542 VOROBLEVSKYJ, Vasyl, P.K. 3148, 290054, , Ukrainio
1543 DENEHA, Oleg, str. sofa Rustaveli 2/12a, 290005, , Ukrainio
1544 GLAGOLEV, Mihail, str. Naukova 34/96, Lviv, 290060, Ukrainio
1545 CERRETINI, Paolo, Via San Giusto 14 I-56121, Pisa, , Italio
1546 WESTERRHOFF, Bernahard, , , Danio,
1547 CONSTANS, Brigitte, 1 rue de l•est, Ermont, F-95120, Francio
1548 SALAUN, Pyann, 1 rue de l"est, Ermont, F-95120, Francio
1549 TRILLAUD, Micheline, 9 rue Vertes Prairies, Lescar, F-64230, Francio
1550 TRILLAUD, Abel, 9 rue Vertes Prairies, Lescar, F-64230, Francio
1551 Sevcenko, Aleksandro, 117593 Litovskij Bulvar 13/12-581, Moskvo, , Sovetio
1552 Sevcenko, Elena, 117593 Litovskij bulvar, 13/12-581, Moskvo, , Sovetio
1553 ZAJCEV, Igor, 119847 Zubovsky blvrd, 17, Moskvo, , Sovetio
1554 ZANELLI, Daniel, E.TELLEZ 4622.STGO.11, , , Cilio
1555 VERGARA Olavarria, Jose Antonio, Casilla 508, Linares, , Cilio
1556 ROBIN, Diana, 40a Plympton Road, Kilburn, London NW6 7EQ, Kilburn, London, Anglio

# La Havana Kuriero

DE LA 75A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

n-ro 5 vendredo, 20-a julio 1990

## TEMPESTO SUPER BJALISTOKO

Ĵaŭde, inter la 9a kaj la 10a okazis en salono Privat kunveno pri la Bialistoka Centro. Prezidis Roman Dobrzynski kaj d-ro Humphrey Tonkin. Post la enkondukaj vortoj de Dobrzynski, d-ro Tonkin, ekde aprilo prezidanto de la Fondumo Zamenhof en Bialistoko, skizis la nunan situacion. Pro la lastatempaj profundaj ŝanĝoj en Pollando, la situacio komplete ŝanĝiĝis. Pro la malapero de la politika scenejo de la parlamenta prezidanto Roman Malinowski, Tonkin portempe fariĝis prezidanto. Sed kiam la situacio klariĝos, tio estas evidenta, li ŝatus refariĝi vic-prezidanto. Espereble venontjare ĉio estos pli klara. Post la lastaj regionaj elektoj en Pollando (majo 1990) nova urbestro de Bialistoko fariĝis Lech Rutkowski, tre favora al la Centro, kiu sendis kuraĝigan leteron al d-ro Tonkin, promesante ĉiuspecan helpon. Estas ioma interesiĝo de la eksterlandaj investontoj, kiun oni nepre devas flegi, kaj cetere serĉi novajn. Necesas tie krei grandan hotelon, komercan centron kaj Kulturan Centron Zamenhofan por esperantistoj. Bialistoko, post la lastatempaj ŝanĝoj en Eŭropo, el provinca urbo dum la Zamenhof-tempo, fariĝis centro de la renkontiĝo de okcidenta kaj orienta kulturoj – tion la esperantistoj devus bone eluzi.

El la raporto de la loka reprezentanto en Bjalistoko, Jarek Parzyszek, d-ro Tonkin menciis diversajn aktivecojn: en 1989 okazis tie la Pola Esperanto Kongreso kun pli ol 1000 partoprenantoj. En februaro ĉijare okazis la Bjalistokaj Esperanto-Tagoj kun 200 partoprenantoj, tuj poste la dua pola sesio de Akademio Internacia de la Sciencoj (la tria okazos en septembro). Ankaŭ Bahaa Esperanto-Ligo decidis aranĝi tie siajn renkontiĝojn. Ankoraŭ ĉijare, lokon en Bjalistoka Eŭropa Esperanto-Forumo (oni klopodos venigi tien reprezentantojn de ĉiuj eŭropaj landoj). En Bjalistoko daŭre okazas Esperanto-kursoj, aperas multaj informoj en la gazetara, ks.

La lasta akceptata propono de la pola Unesko-komitato estas, ke Unesko enskribu la kreon de la Internacia Zamenhof-Centro en Bjalistoko en la jardekon de la monda kulturo. Do, post la rezolucioj en 1984 (Montevideo) kaj 1985 (Sofio) tiu ĉi rekono estus la tria de Unesko.

Grandan subtenon al la centro donas AIS (Akademio Internacia de la Sciencoj San Marino. Ĝia rektoro, prof. Helmar Frank, skizis la projekton por la estonto (okazigi regule polajn AIS-sesiojn, konstruo de la AIS-akademia domo – ĉio nun estas pritraktata. Laste por la Fondaĵo alvenis malavara donaco de finnaj esperantistoj en alteco de 10000 guldenoj. Roman Dobrzynski atentigis pri la de li lastjare eldonita Esperanto-filmo pri Bjalistoko kaj ĝia ĉirkaŭaĵo, por kies produktado la pola flanko investis sufiĉe da mono. Ĉiuj Esperanto-asocioj aŭ unuopuloj povas ĝin aĉeti (55 gld.) aŭ ĉi tie en la Libroservo aŭ ĉe UEA en Roterdamo. Ĉe UEA ekzistas ankaŭ speciala konto por la Esperanto-Fondumo Zamenhof, kiu atendas grandajn kaj malgrandajn kontribuojn!

afs

## tejo·forumo sukcesis

Hieraŭ tagmeze Tutmonda Esperantista Junulara Organizo (TEJO) lanĉis la tradician TEJO-forumon en salono Lapenna. Kvindeko da partoprenantoj estis bonvenigitaj de kelkaj TEJO-aktivuloj el diversaj landoj. Ĉefenkondukis la aranĝon Jan Koszmaluk, prezidanto de TEJO, kiu prezentis la nuntempan TEJO-estraron, kies anoj, krom la prezidanto mem, ne povis alveni al Havano. Malgraŭ tiu manko estis substrekita la nuntempa funkcipovo de la TEJO-estraro. La sama parolanto skizis ankaŭ la nuntempan larĝan spektron de la TEJO-agado, por kiu estus bezonataj multe pli da homfortoj kaj financaj rimedoj. Krom Koszmaluk elpaŝis Andy Kunzli, redaktoro de la oficiala gazeto de TEJO, 'TEJO-tutmonde'. Lastatempe Kunzli gvidis enketon pri la stato de la Landaj Sekcioj de TEJO, kies analizo, farota de la TEJO-estrarao kaj -komisiono pri Landa Agado, sekvos. Flanke de la partoprenintaj gejunuloj prezentis sin reprezentantoj el Brazilo, Meksikio, Venezuelo, Kubo, Sudkoreio, Angolo, FRG, Nederlando, Francio kaj Bulgario. La plej valora rezulto de la ĉijara TEJO-forumo estas la kreindaj kontaktoj kun reprezentantoj de Landaj Sekcioj el Latinameriko. Anoncita estis la kreo de fondaĵo, kiu ebligos venigi ekstereŭropajn junajn esperantistojn al Eŭropo okaze de IJK.

ak

## PLENDOJ KAJ SUGESTOJ

Vendrede antaŭtagmeze, de la 10a h ĝis la 14a, funkcios giĉeto en informejo 1 (apud salono Lapenna), kie vi povos paroli kun komitatanoj pri viaj ideoj kaj sugestoj por venontaj kongresoj kaj internaciaj aranĝoj.

## Kunsidis IKEL

Jaŭdon, la 19a de julio, inter la 10h15 kaj 12h15, okazis IKEL-fakkunsido pri la temo "Etnaj minoritatoj kaj ni". En enkonduka referaĵeto la prezidanto de IKEL (Internacia Komitato por etnaj liberecoj), Uwe Joachim Moritz (kongresnumero 325), skizis la ekeston, nunan staton, celojn kaj agadojn de IKEL, kiuj speguliĝas plej bone en la trimonata bulteno "Etnismo". IKEL pledas por konsciigo de ĉiuj esperantistoj kaj laŭeble multaj aliaj homoj pri la lingvaj kaj kulturaj rajtoj de ĉiuj homoj, t. e. ĉiurilate plene uzadi la propran lingvon en ĉiuj vivosituacioj. La IKEL-prezidanto memorigis la averton de la ŝtatestro de Kubo, Fidel Castro, ke la jaro 1992 ne estos okazo de jubileado, sed de funebro pro la malbono, kiun eŭropanoj portis 500 jarojn antaŭe al Ameriko i.a. eliminante, parte murdante la ĉi-koncernajn indiĝenojn.

En posta diskutado la proksimume 20 ĉeestantoj el tri kontinentoj tuŝis aron da aspektoj de la agado favora al etnaj minoritatoj kaj konkludis, ke estas nepre necese vaste informadi la esperantistan kaj neesperantistan publikon pri la diskriminaciado, kiun suferas miloj da etnoj tra la tuta mondo. Grava elemento de etnista agado estas la partopreno en la laboro de specialigitaj asocioj, ekzemple federalistoj.

ujm

## La intervjuo de la tago

La Havana Kuriero renkontis la junan esperantiston el Haitio, Adrien Luzincourt.

LHK: Haitio estas la najbara insulo de Kubo, tamen vi devis fari komplikan vojaĝon por atingi Kubon.

AL: Jes, mi veturis tra Jamaiko. Estis malfacilaĵoj kun la vojaĝbiletoj.

LHK: Pri kio oni parolis dum la preparkunveno pri latinamerika kunlaboro?

AL: Oni diris, ke la situacio en la latinamerikaj landoj estas tre malfacila. La problemoj ne permesas al la homoj evolui. La ekonomio estas malbona, oni havas nek malsanulejojn, mankas klasĉambroj, lerniloj. La tuta situacio estas tre malfacila, sed oni travivas.

LHK: Sed estas diferencoj inter la diversaj landoj?

AL: La landoj de Latinameriko havas similajn problemojn, sed ekzemple la situacio en Haitio estas tre malfacila kaj la haitia popolo ne scias kion fari, ni estas blokitaj.

LHK: Kaj kiajn solvojn vi vidas?

AL: Estas malmultaj, sed oni devas multe labori por kunigi la fortojn, sed ni ne havas materiajn rimedojn. Ni ne havas dolarojn, kaj ili estas tre bezonataj.

LHK: Kaj vi multe suferas pro la manko de kontaktoj kun la ekstera mondo, ĉu ne?

AL: Pro manko de mono ĉefe ni ne povas partopreni la kongresojn, kiuj estas por ni ege utilaj.

ak

## Kongresnumeroj

Evidentiĝis, ke ne ĉio estas en ordo kun la Kongresnumeroj de la Kongreso. En la listoj, kiuj aperas en la Kongresa Libro, kaj en la kompletigaj listoj kiuj aperas en la Kongresa Kuriero, mankas pluraj numeroj. Aldone al tio, pluraj personoj kontaktis nin grumblante, pro tio ke ilia kongresnumero, kiel ĝi aperas en la Kuriero estas alia, ol la LKK skribis sur ilia Kongresa Karto.

La redaktistoj de la Kuriero deziras klarigi, ke ili publikigis la nomojn kaj adresojn tiel, kiel la LKK ilin provizis al la redaktejo, kaj ke ripetaj petoj de ni al la LKK restis preskaŭ senrezultaj.

bk

Korektoj al la adresaro de la kongresanoj

1521 Irina Nastusenko, Sverdlova 4 ĉ 5, SU-270004 Odeso, Ukrainujo.

## Latinamerikaj esperantistoj kunvenas

Por prepari gravan konferencon, kiu okazas ĵaŭde, marde kunvenis la reprezentantoj de latinamerikaj esperanto-organizaĵoj. Temas pri kunveno, dum kiu oni kunordigas la agadon por la disvastigo de Esperanto en Latina Ameriko. La unua paŝo por tiu agado estas la kompilo de raporto pri la aktuala stato de Esperanto en Latina Ameriko. Inter la projektoj ekstaros la kreo de komuna gazeto por Latina Ameriko kaj de koresponda kurso. Antaŭvidata estas ankaŭ la rilatado kun neesperantistaj organizaĵoj, kiuj uzas Esperanton.

## Simpozio pri evoluo en Latinameriko

Enkadre de la kongresa temo "Esperanto, evoluo, kultura diverseco", okazis marde la unua simpozio pri la temo "Evoluo en Latinamerika kunteksto", gvidata de Jane Edwards.

La kunsidon kontribuis du sciencisto el la Universitato de Havano, prof. lic. Alfred Fernandez, profesoro pri literaturo, donis longan panoramon de la evoluo de la kulturo en Latinameriko ekde ĝia malkovro ĝis la hodiaŭa tempo kaj speciale substrekis la aktualan riĉecon de tiu ĉi kulturo, precipe de la literaturo kaj esprimis sian deziron kaj esperon, ke la latinamerika kulturo baldaŭ trovos sian respegulon en la lingvo Esperanto.

La dua prelego, farita de prof. Jorge Nuñez Joves, licencito en la historio de la scienco, koncernis la temon "Scienco kaj evoluo en Latinameriko".

rd

## MARATONU KUN PREZIDANTO WELLS

Ĉiuj dezirantoj partopreni la trikilometran maratonon okazontan vendrede, la 20an je la 17h00, Bv. turni sin al giĉeto 'Ekskursoj' por oficialigi vian partoprenon. Starto: kongresejo. Alvenejo: hotelo Triton. En la alvenejo la busoj atendos la partoprenintojn kaj transportos ilin al siaj respektivaj hoteloj kaj poste translokiĝos ilin (je la 20h15) al siaj hoteloj al la teatro 'Karl Marx' por partopreni la artan internacian vesperon. ĜIO ESTAS SENPAGA. Kaj estos premioj! Kunportu vian sportan vestaĵon. Alberto Juantorena, trifoja olimpika kaj tutmonda ĉampiono kaj nuna vicprezidantito de la Instituto pri Fizika Kulturo ankaŭ partoprenos la maratonon. Ni atendos vin!!!

LKK invitas ĉiujn kongresanojn partopreni minimaratonon, kiu ekiras de la kongresejo vendrede je la 17a horo. La maratonon partoprenos interalie ankaŭ la prezidanto de UEA, prof. John Wells. La prezidanto invitas ĉiujn kongresanojn subteni lian partoprenon per promeso donaci al la kongresa kaso. La promesitan sumon la kongresanoj pagu, se li sukcese plenumos la trikilometran kuradon. Se li plenumos ĝin ene de malpli ol 20 minutoj, la promesantoj promesas duobligi la donacosumon. Promesojn akceptas la giĉeto informejo 1.

## KULTURO

Marde kunsidis la UEA-Komisiono pri Kulturo. Post la raportoj de s-ino Spomenka Štimec, UEA-estraranino pri kulturo, kaj s-ro Ljubomir Trifonĉovski, nova UEA-komisiito pri teatro, la ĉeestantoj pridiskutis la agadon en tiu ĉi kampo. Naskiĝis novaj kaj interesaj ideoj, kiuj evidente pliriĉigos la kreadon kaj disvastigadon de la Esperanto-kulturo.

lt

## BEL-TRIBUNO

Al la BEL-tribuno pri 'Edukado al tutmonda konscio – ĉu celo atingebla', ven 15h45 Lapenna. Aktive kontribuos: s-ino Yoshie Kleemann, s-ro Heinz-Dieter Haas. La aranĝon prezidos s-ro Bernhard Westerhoff.

## kunsido de uale

(Universala Artista Ligo de Esperantistoj)

Ĝi okazis la 18an de julio, de la 9a ĝis la 10a horo. Partoprenis ĝin reprezentantoj el Japanio, Svedio kaj Brazilo, krom ili ankaŭ la estraranino pri kulturo de UEA, s-ino Spomenka Štimec. La art-ekspozicio ne okazis, sole estis prezentitaj kelkaj montraĵoj de Maria Almada el Brazilo. Estis decidite la reaktiviĝo de la organizaĵo. La elekto de nova direktoraro en la venonta jaro en Norvegio kaj starigo de art-ekspozicio dum la UK helpe de UEA. Interesatoj turnu sin al la nuna vicprezidantino Maria Almada (kongresan-ro 1800).

## RAVANO



RAVANO

Rigardu ni tiun mapon
de KUBO. Kia similo!
Ĝi havas voston kaj kapon
kaj korpon de krokodilo.

Ekde longe persekutas
nin la famkonata besto
Tamen, nun ĝi nin salutas
kaj invitas al ĉeesto.

Ĝi tiu kuba rampanto
estas vere speciala
Ĝi spertas pri ESPERANTO
Kaj loĝas en akvo sala.

Eble vivinta rampulo
tuŝate de sorĉistin'
fariĝis kariba insulo
Kaj nun bonvenigas nin.

William AlaÛd'

## ilei · konferenco

Sabate 21a julio: Cubatur aranĝos, ke vi tranoktu en viaj nunaj hoteloj en Havano, koste de la konferenco.

Dimanĉe 22a: Komuna busa ekiro (8h30) frumatene el la hoteloj. Alveno posttagmeze.

Vendredo 27: Aparta transporto haveblos por tiuj, kies flugoj postulas tion. Cubatur tion liveros kontraŭ la valoro de la neuzita lasta tranokto. Kiu bezonas tion, nepre informu nin.

Sabato 28a: Ekiro buse je la 7a horo, al la flughaveno, poste al Havano.

# Anstataŭ Infana Kongreseto, Infana Tago

Jaŭde la gepatroj de la kongreso fine sukcesis organizi tie interesan porinfanan tagon.

Frue matene infanoj ludis, saltis, ĝojis ĉe la foriro. Per aŭtobuso ni iris al la urba biblioteko kaj ĉeestis inaŭguron de ekspozicio de E-libroj. Ili estis ĝojaj rekoni plurajn porinfanajn librojn. Post la inaŭguro, ili vizitis infanan fakon de la biblioteko kaj ĝuis foliumadon de infanajn librojn.

La kongresa aŭtobuso poste veturigis ilin ĝin la havana bestĝardeno, kie ili multe amuziĝi kaj ludis ĝislace en la interna parko.

Partoprenis kvar infanoj: Nao Arai, Kristoĉjo Resende, Damir kaj Mira Metz Fleury.

# *SUKCESA INAŬGURO*

En la Nacia Biblioteko "José Martí" okazis sukcesa inaŭguro de libroj kaj revuoj en Esperanto. Partoprenis s-ino Stimec, estrarano de UEA pri kulturo kaj dudeko da kongresanoj. Poste ili ĝuis artan programon kie oni prezentis poemojn de la nacia poeto Nicolás Giullén.



# *LA UNUA PREMIO*

Kiel promesite, ni aperigas la enkondukon de la premiita verko en la branĉo POEZIO dum la ĉijara Belarta Konkurso. Temas pri *"El la Vivo de Poeto" de la brito Timothy* Bryan Carr.

LA ALVOKO

Subnaze de l' dogano mens-glacia
printempo siajn sorĉojn kontrabandas;
afiŝonubojn, kiuj propagandas,
li ŝiras per lazuro anarkia.

Malgraŭ skelete modo konvencia
li, burĝonbunta, kun aŭdaco dandas.
Dum mamonistaj ombroj treme bandas,
la libertino mokas, hel-ebria,

al mi dirante - "For de proz-miopo
trans horizontojn ĉielarken flosu;
sur karuselo, tra kalejdoskopo

miraklojn per poemoj gaje glosu;
kaj ĝoju, bardo, ke, ĉu gajne - perde,
vi verkos, amos kaj batalos verde."

# Radio Havano Kubo en la 75a UK

Multflanke kaj plurefike la nacia mallongonda radiostacio partoprenas la UK. Inter alio, la premiito de la konkurso Clovis Alves Portes el Brazilo ĝuas sian veturon kaj senpagan aliĝon tute feliĉe. Aperis ĉi tie ankaŭ aliaj premitaj partoprenintoj.

Marde je la 1745 h okazis renkontiĝo inter la geaŭskultantoj kaj la skipo, kie la direktorino de RHK klarigis pri la ekesto de la radioestacio kaj la radioelsendoj en Esperanto, kaj la ĉeestantoj multon demandis, sugestis kaj proponis. Granda surprizo por ni estis scii, ke kelkaj el la plej fidelaj geaŭskultantoj tutmonde estas blinduloj, kaj la redakcianoj konsentis ilian peton ĉiam informi pri frekvencoj antaŭ komenciĝo de ĉiu programo.

ANKAŬ UNU EL LA ĈEESTANTOJ ATENTIGIS PRI GRAVEGA ERARO EN LA KONGRESA LIBRO, PAĜO 107, KIE APERAS TABELO DE LA FREKVENCOJ DE RADIO HAVANO KUBO EN ESPERANTO. NENIE ONI KLARIGIS, KE TEMAS NUR PRI DIMANĈAJ ELSENDOJ!!!!

(Unu el la redaktoroj [org] pardonpetas ĉiujn, ja li respondecas pri tiu fuŝaĵo).

Do, bonvolu noti ke ĝis nun, niaj elsendoj okazas nur kvinfoje dum dimanĉoj. Tamen vi povas helpi aliigi tiun situacion, se vi sufiĉe ofte kaj argumentplene skribas al RHK petante ĉiutagigon de la elsendoj. Trovu la adreson en la supre menciita paĝo de la KL.

Jam tiu sperto pri ĉiutaga elsendado ni ekĝuis, kompreneble temas pri dekminuta programo kaj tio okazas dum la kongresaj tagoj. Sed ni tiom multe ŝatus atingi vin kun tia ofteco preter la kongreso.

Salutas ĉiujn,

La E-teamo de RHK

# AIS-Sanmarino malfermiĝas al artistoj

La Akademio Internacia de Sciencoj de San Marino inaŭguris en septembro ankaŭ sian artan kaj teĥnikan sektorojn.

Ĝi bonvenigas ĉiujn artistojn de iu ajn arta fako, kiuj komprenas Esperanton, aliĝi al la arta sektoro de AIS.

La interesitoj bonvolu kontakti s-rojn Terziev aŭ prof. d-ron Frank (KN 247).

La redakcio de
"LA HAVANA KURIERO"
konsistanta el
Bruĉjo Kasini, Andy Künzli,
Orlando Raola Gonzales
dankas vin kaj invitas vin
kunlabori per raportoj el
viaj kunvenoj.

206 Praha


# La Havana Kuriero

DE LA 75A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

n-ro 6 sabato, 21-a julio 1990


*FIDEL CASTRO:*

## 'MI KONSIDERAS MIN SOLDATO DE ESPERANTO'



"Mi konsideras min soldato de Esperanto". Per tiuj ĉi vortoj Fidel Castro, la prezidento de la Kuba respubliko, adiaŭis de John Wells, prezidanto de UEA, kun kiu longe interparolis dum la luksa akcepto, kiun li ofertis al granda reprezentantaro de la 75-a Universala Kongreso.

La aranĝo, al kiu estis invititaj 150 homoj, komenciĝis je la 21a en la Palaco de la Revolucio, per persona manpremo de la Prezidanto al ĉiu unuopa invitito.

Poste, en la granda akcepto-salono, prof Well kaj ĉefkomandanto Castro reciproke histrionis per siaj bonvenigaj paroladoj.

"Ni venis ĉi tie, ne por paroli pri la problemoj de Esperanto, sed por paroli en Esperanto pri la problemoj de la mondo", deklaris Wells.

"Mi kredas," respondis Castro, "ke vi venis tamen por paroli pri la mondaj esperoj".

Al la Ŝtatestro, Wells donacis nome de UEA kaj de la UK ses librojn, de la Antologio de Esperanto, al Martin Fierro, Doña Barbara, Lingvistikaj Aspektoj de Esperanto kaj la Dia Komedio.

Castro montris, ke li perfekte komprenis la signifon de Esperanto "jen ekzemplo: kiam vi eniris, mi vidis tiun knabineton kaj mi demandis al ŝi 'ĉu vi estas vjetnamino?' -kvankam mi neniam vidis vjetnaminon kun bluaj okuloj-. 'Ne', ŝi respondis, 'Mi estas filino de japanino kaj svedo'. Jen la vera signifo de Esperanto: japanino kun bluaj okuloj... Ĉar malantaŭ Esperanto estas la amo".

Li incitis la ĉeestantojn ne timi, se ili sentas sin tro malmultaj. "Ankaŭ kristanismo en la komenco komencis el eĉ pli malgranda grupo. Sed ili venkis; ja, oni krucumis la kristanojn, oni ĵetis ilin al la leonoj. Sed ili venkis. Vi ankaŭ venkos. Mi ne volas, ke oni krucumu vin, ke oni ĵetu vin al la leonoj, sed vi venkos, ĉar via ideo estas prava".

Post la tosto, Fidel Castro ankoraŭ restis kun la kongresanoj, parolante kun pluraj el ili pri la plej diversaj temoj. La emocio de la vespero tuŝis plurajn ĉeestantojn, kiel ankaŭ la evidenta partopreno kaj sincereco de la Respublika Prezidento de Kubo. Kasini



## ĜIS LA !

Kiam mi trakuris la kongresejon por trovi, kie vi diable kaŝiĝis ĝuste tiam, kiam mi kredis ke mi bezonas vin;

Kiam ni sidis ĝis funda nokto por fin-aranĝi la gazeton, kiun la morgaŭon la U.K. devos legi;

Kiam ni disputis la saman unusolan komputilon, la saman unusolan tajpilon, la saman unusolan tondilon, la saman unusolan fotokopiilon, la saman unusolan paperfolion por produkti la gazeton,

ni sentis, ke ni konsistiĝas bonan teamon. Dankon, Orlando, dankon, Andy

Bruĉjo.

Kiam du tri tagojn antaŭ la solena malfermo oni sciigis al mi, ke provizore mi ankaŭ redaktos La Havanan Kurieron, mi imagis tion kiel taskon iel ordinaran kaj tedan, des pli por lu absolute sensperta rilate paperan gazetaron. Tamen, mi dankas specife tiujn, kiuj elektis min por tiu laboro, ĉar ili ebligis al mi tre proksime rilati al du homoj, kies nekredebla entuziasmo, ĉiama plusa animeco kaj faka kompetenteco ebligis la aperon de La Kuriero malgraŭ mia malmultflanka kontribuo. Bruĉjo, Andy, granddomaĝe la kongreso ne daŭras jaron, kaj alvenis la lasta. Mi dankas ĉiujn instruojn kaj precipe la bonkorecon.

O. Raola

# UEA · KOMITATO

La Komitato de UEA, kunsidinte en Havano, inter alie alprenis decidojn, kiuj interesas ĉiujn kongresanojn:

NOVAJ TASKOJ EN U.E.A.

De la 1a de januaro 1991 Direktoro de la Centra Oficejo estos Osmo Buller, ĝis tiam ĝenerala sekretario de UEA.
De la sama dato, ĝenerala sekretario de UEA estos Ian Jackson, konata iama prezidanto de TEJO.

KONTAKTO

Dum 1991 denove la revuo de TEJO *'Kontakto' aperos ses-foje jare, anstataŭ* kvar kiel dum la lastaj tri jaroj.

LANDAJ ASOCIOJ

Estis aprobitaj la aliĝproponoj de du novaj Landaj Asocioj de UEA:
ESTONA ESPERANTO-ASOCIO
UKRAINA ESPERANTO-ASOCIO

FAKAJ ASOCIOJ

Estis aprobita la aliĝpropono de ILEI, Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj, fariĝi denove Faka Asocio Aliĝinta al UEA. ILEI, kiu jam antaŭe havis tiun statuson, rezignis ĝin en 1974 post la Hamburga krizo.

Estis ankaŭ aprobitaj al aliĝproponoj, kiel fakaj asocioj kunlaborantaj:
ATEO (Ateista Tutmonda Esperanto-Organizo)
LSG (Ligo de Samseksemaj Geesperantistoj)

FINA REZOLUCIO

La 75a Universala Kongreso de Esperanto kunveninte en Havano (Kubo) de la 14a ĝis la 21a de julio 1990 kun 1614 partoprenantoj el 54 landoj, kaj traktinte la temon "Esperanto, evoluo, kultura diverseco"

konstatas,

ke la kultura diverseco estas grava parto de la homa heredaĵo kaj ke la morto de lingvoj kaj kulturoj estas signifa perdo por la homaro;

ke same kiel pri la kvalito de la biosfero ni respondecas pri la heredigo de tiu kultura diverseco al postaj generacioj;

ke el lingvoj kaj kulturoj konstante evoluas: minoritatoj aperas kaj malaperas dum la monda socia kaj ekonomia situacio ŝanĝiĝas;

ke, aliflanke, simpla ignoro de la rajtoj de minoritatoj kaj koncentriĝo je plibonigo de materiaj vivkondiĉoj endanĝerigas la liberecon de unuopaj popoloj evolui laŭ propra maniero;

ke sekve necesas krei strukturojn por efike administri diversecon en mondo kie la moderna vivo emas kondiĉi al ĉiam pli da unuecoŭ

bonvenigas

la iniciaton de Unesko lanĉi la Jardekon de Kultura Evoluigo kaj notas, ke la Kongresa Temo estis rekte ligita al tiu jardeko;

atentigas

pri la valoro de Esperanto kiel ponto inter la lingvoj kaj kulturoj kaj medio por interŝanĝoj,

alvokas Uneskon,

ke ĝi pli aktive utiligu Esperanton kiel rimedon de kultura interŝanĝo;

rekomendas

al la diversaj Esperanto-organizaĵoj ke ili partoprenu en la Jardeko kaj konsekvence atentu en la agado la ligojn inter la Internacia Lingvo kaj kultura diverseco.

# *AL ELDONISTOJ*

La 19an kunvenis iniciata grupo de reprezentantoj de eldonejoj el Kubo, Bulgario, Hungario, Jugoslavio, Norvegio, Sovetunio, kiuj pridiskutis eventualan eblecon pri fondo de unuiĝo de esperanto-eldonistoj. Estis proponitaj la sekvaj direktoj de ĝia laboro: interŝanĝi informojn pri la eldonotaj libroj, enkadre de LA TAGO DE LA LIBRO aranĝi foiron de manuskriptoj, kunlabori kun la eldonejoj rilate la aŭtorajn manuskriptojn, preseblecoj kaj vend- eblecoj en la koncernaj landoj. La fondkunveno de la eldonistoj estas antaŭvidata por la 76a UK (Bergen). Ĉiuj interesitoj turnu sin al la estararano de UEA pri kulturo Spomenka Štimec aŭ al la sekvanta adreso: 119847 Moskva, Zubovskij Bulvar, 17, eldonejo Progres, ĉ. 405, Esperanto-fako, Alexandr Ševĉenko

# ESPERANTO EN *UKRAINIO*

Antaŭvidante la ĝeneralan evoluon en Sovetunio, la esperantistaro en Ukrainio - la dua plej granda respubliko laŭ la nombro de loĝantoj en Sovetunio, fondis pasintjare memstaran Esperanto-organizon, Ukrainian Esperanto- Asocion (UkrEA). Al UkrEA estas aliĝitaj 33 Esperanto-kluboj de Ukrainio kaj 60 individuaj membroj. Per speciala dekreto la ukrainia regsistaro (Konsilio de Ministroj) ĉi-maje agnoskis UkrEA registrinte ĝin sur la registara nivelo. UkrEA eldonas la periodaĵon *'Ukrainia Esperantisto' kaj funkciigas* klubon., kiun rajtas eniri ankaŭ eksterlandanoj.

Estas transdonita al la estraro de UEA dokumentaro por fariĝi Landa Asocio de UEA, esperante ke tio okazas dum tiu ĉi kongreso. Por pruvi la viventecon de UkrEA, en la 75a UK partoprenas 25 ukrainiaj esperantistoj.

La 16an de julio la ukraina parlamento deklaris la sendependiĝon de Ukrajnujo. Ĉu tion oni faris antaŭ la UEA-komitatkunsido ĝuste por helpi al la Komitatanoj jesi la aliĝon de UkrEA kiel Landa Asocio??? Interesatoj pri UkrEA kaŭ Ukrainio turnu sin al la prezidanto de UkrEA, Eŭgeno Kovtonjuk

## Gazetara Servo Internacia

Malgraŭ pluraj organizaj problemoj, kiujn oni nur surloke malkovris, la Gazetara Servo Internacia de la UK sukcesis dissendi plurajn informojn al internaciaj inform-agentejoj kaj al gravaj ĝazetoj tra la mondo.

La estrarano pri informado Ivo Durwael, la redaktoro Bruĉjo Kasini kaj pluraj aliaj kunlaborantoj, kiuj tradukis la informojn al deko da lingvoj, permesis tiel ke la tutmonda informa medio ricevu freŝajn novaĵojn de nia 75a UK, inkluzive (jam vendrede matene) ampleksan finan artikolon kiu enhavis longan mencion pri la akcepto de Fidel Castro al la Komitato de UEA.

La plano, estas stabiligi tiun servon dum la venontaj kongresoj, ankaŭ per helpo de la Landaj Asocioj de UEA. La interesitoj, nun aŭ dum la jaro, bv. sin turni al IVO DURWAEL, Paul Gilsonlaan 5, D-2520 Edegem, Belgio (tel +32 -3- 4403092.

## TEJO DAŬRIGOS EN IJK EN PLAYA GIRÓN

Por parto de la UK-kongresanoj la esperantista festado en Kubo ankoraŭ ne estas finita. La gejunuloj veturos dimanĉe al la alia flanko de la insulo por daŭrigi la kongresumadon en amika etoso. IJK nomiĝas tiu afero - Internacia Junulara Kongreso. Ĝin organizas TEJO kune kun la junulara sekcio de Kuba Esperanto-Asocio en Playa Girón en la provinco Matanzas. La inventantoj de tiu sendube alloga kongreso kompilis riĉan programon. Ĉu ĝi plene laŭ la plano realiĝos - ni poste legos en la Esperanto-gazetaro. Certe estas, ke oni povos plenigi multajn revuopaĝojn pri tiu kariba IJK. Ĝi estas ege promesplena, pro diversaj kialoj.

La ĉeftemo estos ALFABETIGO - do okazo por diskuti pri tre grava problemo en la mondo.

Sed certe ni ne forgesos ankaŭ la amatajn tradiciajn vesperojn - la interkonan, internacian kaj artan.
La IJK-n karakterizas ties spontaneco kaj ofte ankaŭ improviziteco, tipa trajto en junulara medio iom loza. Krom tio invitos nin la plaĝoj, sufiĉa kialo por eskapi de prelegejoj kaj komitatkunvenejo.

Do, TEJO kaj la Esperanto-gejunuloj bonvenigas ĉiujn alvenontojn. Ĝis revido kaj reaŭdo en Playa Girón!

Andy Künzli



tejo

KUBO 90



## ESPERANTOLOGIO

Sub la gvido de d-ro H. Tonkin okazis vendrede postagmeze la 12a Esperantologia Konferenco en la UK'oj.

La unuan parton komencis prelego de la sovetia specialistino Elena Ŝevĉenko pri traduko de rusaj kaj sovetiaj soci-historiaj terminoj terminoj en Esperanton. Sekvis podiaj diskutoj fare de la kolegoj Eichholz, Prytz kaj Koutny. Montriĝis, ke ne ĉiuj terminologoj samopinias pri plia praveco en la uzo de la vorto "perestrojko" aŭ de ties esperanta traduko "rekonstruado".

En la dua parto, la konferencgvidanto liveris paroladon pri la valoroj de Esperanto kaj pri la kontribuo de la movado al protekto de la monda kultura diverseco. Ĉiroje partoprenis surpodie Jane Edwards kaj Orlando Raola, kiuj iel klopodis doni respondon al plej diversaj demandoj rilate la nunan kulturan valoron de Esperanto kaj la eblecojn por la estonteco.

## BULGARA TEATRO

La 19-an Bulgara Esperanto-Teatro prezentis la spektaklon Mi ne plu konas vin en la Urba Teatro Mella. Tiu ĉi spektaklo temas pri la virino Luiza, kiu forgesis, ke ŝia edzo Paolo estas vere ŝia edzo. Tiu situacio kaŭzis ridigajn scenojn ekzemple kun la onklo, kun iu profesoro, kun la tajpistino, ktp. Je la fino de la spektaklo Luiza rekonsciiĝis kaj la profesoro liberiĝis de la turmentado. La longa aplaŭdo pruvis, ke la teamo kapablis prezenti ion vere altnivelan kaj kvalifikitan por la Esperanto-kulturo.

## KUBA KULTURO

Orlando Raola González, cetere konata de vi pro ofta kaj ne tro multa kunredaktado de tiu ĉi kuriero, prelegis, kantis malnovegan soneon, montris lumbildojn, deklamis poemon de Guillen kiun li mem tradukis kaj fine andigis la plej saŭcoplenajn kaj aŭtentikajn kubajn muzikformojn, klopodante kunpremi en 55 minutoj 5 jarcentojn de kultura evoluo en la plej granda Antila insulo.
Ĉeestis multaj kiuj poste, koridore, abunde prikomentis la spektatan prelegon kaj taksis ĝin bona.







# AL LA 75a UK HAVANA

Kiam revis mi pri Kubo

1) Mi forjetis tiam dubon
Ĉar tre strebis al Kongreso,
Esperanto kaj progreso

2) Urĝe mi ricevis vizon
Kaj okazis l' paradizon
La paradiz' kun verda stelo,
Kiu viglas la ĉielon

3) Yomete longa vojo
Alportis min kun granda ĝojo
Al Feliĉa Insularo
Por renkonti la Homaron

4) Min atendas Fidel Kastro
Por akcepti kiel gastoj
Por kongresi ĉiam glata
Ni fariĝis kiel fratoj

5) Min impresas tre gastama
Eterne bela urb' Havana
Homoj kun afabl' vizaĝoj
Pitoreskaj urbpejzaĝoj

Refreno

Estu sonas mia voĉo
En tuta mondo kiel sorĉa
Mia koro sentas plene
Amikecon kaj senĝenon.

Jefremova Valentina
SU - Moskvo